Xa jaro. No 158 (22) ☆ Duonmonata ☆ 5 Decembro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| ABONO | | | REKLAMO | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **Jara abono** | **2. — Sm.** | (5 fr. —) | **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) | **20 Sd.** | (50 ct.) |
| **Luksa eldono** | **2. 50 Sm.** | (6 fr. 25) | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | **16 Sd.** | (40 ct.) |
| | | | **Korespondado** (1 enskribo) | **20 Sd.** | (50 ct.) |

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*Evoluado kaj celoj de l'arkitekturo*, Ovybro.

**Socia Vivo:**

*La Anunciacio de P. Claudel*, J. Karsch.
*La vivo de hungara patrioto*, E. Ferencz.
*Panama kanalo*, L. v. Rakato.
*La fizikleĝoj pri la ventegoj*, Amero.
*Reformo de la germana ortografio*, E. Ulitzsch.
*Notoj.*

**Literaturo:**

*Tra la Esperanta literaturo*, Vertido.
*Bileto de blankbarbulo*, Th. Cart.

**Esperantismo:**

*Eĥoj de la Kongreso. — Kroniko.*
*Diversaĵoj. — Tra la gazetaro.*

**U. E. A.:**

*Oficiala informilo. — Novaj Delegitoj.*
*Praktikaj demandoj*, H. H.
*Esperantia parolejo.*
*Esperantia vivo. — Alvokoj.*

NUNTEMPAĴOJ

## EVOLUADO KAJ CELOJ DE L'ARKITEKTURO

Dum la fino de la lasta jarcento, kiam sekve de demokratismo la idea movado de tiu periodo deturniĝis de kristaneco kaj aristokratismo, revolucio fariĝis en la karaktero de l'arkitekturo.

La arto konstruada perdis firman ĉefideon kaj sekvis dum kelka tempo eraran vojon, imitinte en tiu periodo de konfuzo ĉiujn pli malnovajn stilojn; industriigo de la ekonomia vivado, subita invado de kamparana loĝantaro al urboj kaj ankaŭ la entreprenista spekulado sekvigis konstruadon de kolektivaj loĝejoj en kazernastile aranĝitaj grandaj domoj, por kiuj la ĝistiama konstrumaniero de l'precipe porfamiliaj kaj malgrandaj loĝejoj donis nenian modelon. La idea revolucio de l'epoko estis pli rapida ol la evoluado de nova konstrustilo, kiu estus pli konforma al la demokrata tendenco de tiu tempo.

Oni diras kaj prave, ke la kulturhistorio de la homaro estas la historio de la loĝado; almenaŭ estas certe, ke la karaktero de la homaj loĝejoj respondas al la samepoka stato de la civilizacio.

La unuaj loĝejoj de la homoj celis nur utilecon, nome protekton kontraŭ malfavora influo de l'klimato kaj kontraŭ la bestaro. Pli poste aldoniĝas la sento por ornamado, el kiu devenas la plastiko. En Egiptujo, kie troviĝis la plej malnovaj bone konservitaj monumentoj de konstruarto, la konstruado atingis altan gradon. Ĉi tie kaj en Grekujo favora klimato permesis, ke publikaj festoj estis aranĝataj subĉiele; tial estis konstruataj sentegmentaj preĝejoj kaj teatroj.

La movanta forto de la egipta kaj greka arkitekturo estis la religio, kaj la preĝeja konstruado prezentis la plej noblajn revosopirojn de religiemeco. La romana arkitekturo estis jam pli progresinta, kaj ĝia tendenco — krom la glorigado de venkaj militoj, kiu sekvigis konstruadon de triumfarkoj — estis sociaj institucioj: akvokondukiloj kaj banejoj; la materia bonstato kondukis al la konstruado de palacoj.

Kristanismo alportas reakcion kontraŭ antikva mondo; anstataŭ la ekstera gajemo alvenas enprofundiĝo en sin mem. La religia ideo fariĝis por multo da jaroj, estro kaj la Eklezio estis la spirita kondukanto de la tuta tiama kulturo de la homaro. Pro tio ŝanĝiĝas ankaŭ la stilo de arkitekturo, kiu nature kulminacias en la konstruado de preĝejoj; romana stilo (San Marko en Venecio el 10a—11a jarcento) alternas kun la gotika kun graciaj turoj kaj ogivoj.

En Italujo pro influo de antikvoromanaj konstruaĵoj evoluiĝis la stilo renesanca, kiu signifas liberiĝon el l'estreco de l'Eklezio kaj turniĝas al konstruado monda, precipe privata, sed aristokrata, kiel estas kasteloj, palacoj, vilaoj. Branĉo de Renesanco estas baroka stilo, efektoriĉa kaj kolorplena, kiu hejmiĝis precipe en Francujo.

El ĉi tiu mallonga revuo estas videble, ke la konstrustilo ne estas io hazarda, sed ke ĝi organike evoluas el la pli malnova, kiam ideaj kaj sociaj revolucioj alportas al homaro novajn celojn; la plastiko estas ĉiam reprezentanto de certa epoko.

Aristokrata pompemo kaj lukso, kiuj karakterizas la epokon de Renesanco, ne povis daŭri dum longa tempo, ĉar komenciĝis idea renverso. Aperis novaj fontoj de civilizo, kiujn alportis filozofio kaj unuavice natursciencoj. La kulturmovado subfosis firman bazon de aristokratio kaj fine de 18a jarcento okazis revolucio de la socio, el kiu venke eliris la burĝaro.

La ekonomia kaj socia renversiĝo en 19a jarcento proksimigis la naciojn kaj demokratigis la homaron. Aperis tutmonda ekonomio, disvolviĝis komerco kaj industrio, aperis novaj produktometodoj, kaj nova epoko alportis novajn sociajn celojn. Demokratio donis vicon da novaj iniciatoj, politikaj kaj sociaj cirkonstancoj kondiĉas la konstrumanieron.

La arto el la fino de la 19a jarcento estas ŝanceliĝema, konfuza; en arkitekturo regas imitado de ĉiuj pli malnovaj stiloj, ĉar ne estas ĝis tiam ia nova. En pli malnovaj epokoj la artistoj kreis laŭ instinkto, kun amo kaj ĝojo, kaj rezultato de ilia laboro estis artista verko sugestie efikanta kaj ritme kreita. La entreprenista spekulado de tiu tempo, kiu ekokupis la arkitekturon, signifas malriĉigon de la artista kreado, ĉar ĝi konstruas nesolide kaj laŭ la instigoj de la profitemo.

La signo de tiutempa arkitekturo estas utilemeco, kiu trovos ĝojakceptotan helpilon en fero kaj betono. Krom arkitekturo, fariĝas ĉiam pli grava la inĝeniera konstruado, pontoj, stacidomoj, vitropalacoj kun fera konstruado. Konstruaĵoj de inĝenieroj estas manifestaĵo de laŭtempaj tendencoj de utilcelemo, sed ne de arto, ĉar malestas ĉi tie tradicio kaj pli malnovaj modeloj. La uzado de fero estas ĉiaflanka, kaj ĝiaj kvalitoj estas eksterordinare gravaj por la hodiaŭa konstrumaniero. La fero faciligas la laŭvolan konstruadon de plafono, malgrandigas la dikecon de muroj, ŝirmas kontraŭ la brulo, estas firma kaj mallongigas la daŭron de la konstruado. Plue karakteriza por samtempaj konstruaĵoj estas celkonveneco. La dekadenco de konstrustilo vidiĝas nun ankaŭ en malnecesa troplenigado de fasado per imititaj ornamaĵoj; kontraŭe la artista arkitekturo forĵetas ĉiun sencelan kaj supozatan ornamadon kaj venis en sia simplemo ĝis tute glata surfaco de fasado.

Al simpla ekstero devas respondi konvena solvo en la interno de konstruaĵo. En Anglujo plej unue oni seniĝis de respekto por stila formo kaj atentis pri komforto kaj higiena flanko de loĝejo. Sur bazo de praktikaj aranĝoj aperis en angla domkonstruado nova artoverko: sunlumigata, aerplena loĝejo, precipe dormejo.

Ankaŭ la rapidega kreskado de la grandaj urboj donas al la arkitekturo novajn taskojn: adapti la internan malvastan urboparton al novaj postuloj, ĉe kio oni devas zorgi pri malnovaj memorindaĵoj kaj krom tio reguligadi la konstruadon de novaj antaŭurboj; ĉe tio atendindaj estas la problemoj pri interkomunikado, ekonomio kaj higieno. Oni devas konservi ĝustan proporcion inter la larĝeco de stratoj kaj la alteco de la domoj, krei placojn, disdividi la surfacon per trotuaroj, kandelabroj kaj aleoj, sur trankvilaj lokoj konstrui monumentojn kaj fontanojn. Anstataŭ iamaj malrektaj, kvankam belaspektaj stratoj, la nuntempa arkitekturo konstruas stratojn rektoliniajn, larĝajn, kiuj konformiĝas al la rapidemo de grandurba movado. Unuformeco estas evitebla tiel, ke longaj stratoj estas interrompitaj per placoj kaj ĝardenoj. Grava demando komunikada — fer- kaj tramvojoj konstruiĝas subtere aŭ en stratonivelo, sed tiel, ke ili ne malbeligu la aspekton de urbo. La aspekton de grandurbaj stratoj plibeligas akvujoj kun fontanoj; pri lokigo de monumentoj devas decidi pli multe argumentoj artistaj ol historiaj; la monumentoj per siaj silueto, proporcioj kaj materialo devas esti en harmonio kun la loko. La motivoj de sano kaj pureco postulas, ke la stratoj estu ĉiam en ordo, ke estu malebligita malpurigado de l'urbo per la bruligo de fumo. Plue necesas atenti pri la aranĝo de parkoj kun helpo de arkitekto. La monumenta arkitekturo, kiu en pli malnovaj periodoj vidiĝis en konstruado de preĝejoj kaj pli poste en tiu de palacoj, fariĝis grava ĉe konstruaĵoj servantaj al publika prospero, kiel estas teatro, parlamento, komercejoj, stacidomoj, koncertejoj kaj fine grandaj komercdomoj, en kiuj troviĝas ĝermo de estonta stilo.

Fine ni faru ĉi tie rimarkigon pri interesa entrepreno en Aŭstralio. En Eŭropo estas preskaŭ neeble, ke arkitekto havu influon ĉe konstruado de nova urbo de ĝia komenco; por li restas nur la tasko reguligi urbojn jam ekzistantajn. Alie estas en Aŭstralio; tie sufiĉo da senkonstruaj surfacoj, riĉeco kaj entreprenemo ebligas spekuladon, kies efektivigo estas aliloke neebla. Tiuj ĉi ecoj kaj ankaŭ malakordemo reganta inter du plej grandaj urboj Sydney kaj Melbourne rezultigis, ke la parlamento de la Aŭstralia Konfederacio decidis konstrui novan urbon je 100 mejloj de Sydney, nomita *Jas-Cambera.* Por akiro de planoj de nova urbo estis aranĝita internacia konkurso, kiu daŭris ĝis la 31 januaro 1912 kaj tre bone sukcesis. Unuan premion por sia propono ricevis arkitekto Walter Burley Griffin el Chicago, duan Eliel Saarinen el Helsingfors kaj trian Donat Alfred Agache en Parizo. La francaj kaj anglaj ĵurnaloj fine de la lasta jaro presigis planojn kaj vidaĵojn de estonta ĉefurbo de Aŭstralio, kiu el fundamentoj projektita de hodiaŭaj arkitektoj laŭ postuloj de la nuna tempo, povas esti modelo de moderna grandurbo. La urbo prezentas grandegan parkon kun liberaj lokoj sur ambaŭ riverbordoj; 33 % da spaco estas nekovrita de konstruaĵoj. Ĉefstratoj diskuras radiosimile al periferio, per kio estas certigita ĉiaflanka kaj regula plivastiĝo de l'urbo. Al postuloj de moderna urbo plej bone respondas la divido de kvartaloj laŭ ilia produktanta aŭ socia signifo, apartaj kvartaloj estas kreitaj el grupoj da domoj de politika karaktero, konstruaĵoj oficialaj, el komercejoj kaj industriaj fabrikoj, kvartaloj de laboristaj dometoj, universitataj institutoj, rezidejoj de ŝtataj oficistoj, kvartaloj de lukso, kvartalo por ludejoj kaj sporto; plue estas celkonvene dislokitaj tra la urbo lernejoj, komercejoj, teatroj, muzeoj, bibliotekoj. P-ro Agache, ekzemple, dediĉas mezon de l'urbo al konstruaĵoj de politika karaktero; ĝi sidas sur altaĵo, sur kiu staras monumento al la gloro de la aŭstraliaj nacioj, de malproksime videbla kaj superreganta la urbon. Sur supra esplanado estas projektita palaco de ambaŭ parlamentoj, palaco de guberniestro, de unua ministro kaj ok ministrejoj. Iom pli malsupre estas kvadratoforma placo, kies flankoj estas palaco de justeco, ŝtata trezorejo, palacoj oficialaj kaj urbodomo. En la komerca kvartalo sidas stacidomo, poŝtoficejo, borso, bankoj kaj magazenoj. Apudestas industria kvartalo kun fabrikoj kaj produktejoj, al kiu najbaras kvartalo de laboristaj loĝejoj, kaŝita en ĝardenurbo; en centro de ĉi tiu kvartalo granda placo kun popoldomo kaj kolosa teatrejo cirkosimila. Sur la dua riverbordo en malbrua kvartalo, plena de publikaj parkoj, troviĝas konstruaĵoj de universitato kaj alia ĝardenurbo sub deklivo, kiu etendiĝas malproksimen al ebenaĵo ĉe urborando. Sur periferio de l'urbo aparte de loĝejkvartaloj estas malsanulejoj, kazerno, gas- kaj elektrofabriko, arestejoj. Laŭlonge de rivero vastiĝas parkoj kun granda ekspoziciejo. Novaĵo en la estonta urbo estas aparta kvartalo, rezervita al sporto kaj ludoj; troviĝas ĉi tie stadio, areno, loko por aviado, fiksligita balono, tenisludejoj, ludejoj por futbalo, por infanoj k. t. p., sur la rivero konstruaĵoj kaj boatoj por remsporto. Monumentaj publikaj konstruaĵoj havas el malproksime belan aspekton, tuta urbo dronas en verdo de multnombraj parkoj, kiujn trapenetras loĝejkvartaloj; la stratoj estas kunligitaj per elektraj vojoj ĝis urborando, kaj sur rivero navigas malgrandaj lokaj vaporŝipoj. En la disdivido de l'urbo kaj projektado

de publikaj konstruaĵoj vidiĝas kulminacio de moderna arkitekturo.

Nedubeble estas, ke dank'al la energio kaj riĉeco de la aŭstraliaj ŝtatoj, la nova ĉefurbo estos baldaŭ efektivigita.

Trad.[1] *Ovybro* (Praha).

**Pro abundo de materialo la nuna Numero aperas kun 20 paĝoj.**

**La proksima Numero (Kristnaska Numero) estos speciale dediĉata al la ĝenerala propagando de Esperanto, la estanteco kaj estonteco de nia movado. Ĝi aperos antaŭ la 25 decembro.**



## SOCIA VIVO



### La Anunciacio de Paul Claudel

La salonego de la Ritma Edukejo de Jaques-Dalcroze en Hellerau (Dresden) estis la unuan fojon la scenejo de drama prezentado, de la unua germanlingva prezentado de la mistera ludo „Anunciacio" de la franca poeto Paul Claudel, germane tradukita de Jakob Hegner. Oni ĝin aranĝis en la dirita salono, por provi, ĉu la stilo de la tiea scenejo — tute evitanta la tradician teatran iluzion — konvenas al granda dramo kaj povas esti grava por estonta monumenta drama stilo. Oni povas diri, ke la enscenigo de la art-pentristo von Salzmann estis en sia grandioza simpleco tre impresa kaj ke speciale la riĉa uzado de la lumo en ĉiuj nuancoj kaj fortoj en preskaŭ neimagebla maniero influis la impreson de la ludata misteraĵo. La dramo mem, kiu ekster Francujo ĝis nun preskaŭ ne estas konata (malgraŭ la granda sukceso dum ĝiaj prezentaĵoj en la teatro de l'Œuvre en Paris) estu jene iom skizota. Andreas, la patriarĥo de Marienberg, pilgrime forlasas sian kastelon por iri al Jeruzalemo. Ĉe la adiaŭo li donas sian pli aĝan filinon Violäne kiel fianĉinon al la duonfilo Jakobäus, sed tiun amas Mara, la fratino de Violäne. Ŝi deziras malebligi la edziĝon kaj denuncas sian fratinon ĉe la fianĉo, dirante, ke ŝi vidis, ke Violäne en iu mateno kisis ĉe la pordo la forirantan Peter von Ulm, la faman konstruestron de multaj germanaj katedraloj. Jakobäus ne kredas, tamen estas vero. Violäne kisis Peter pro kompato, ĉar li, iam en brulanta amo al Violäne atakinta ŝin, ricevis dian punon, la lepron! Tiu ĉasta kiso de Violäne havis por ŝi teruran sekvon, ŝi ankaŭ iĝis leprulino kaj tion malkaŝas al sia fianĉo, kiu terurigite devigas ŝin, tuj forlasi la domon. Ŝi iras, la patrino mortas pro ĉagreno, Mara triumfas kaj iĝas edzino de Jakobäus. Pasas ok jaroj, ni retrovas Violänon kiel blindan leprulinon en dezerta loko de la Ach-valo. Oni ĉe la strato atendas la irantaron de la imperiestro, iranta al Speyer; jen en la nokto de la Kristnasko alvenas al Violäne Mara kun sia mortinta infano. Ŝi neniam komprenis, kiel Violäne povis cedi sen ia venĝo al si la feliĉon de la edziĝo kun Jakobäus, feliĉon, kiun ŝi — Mara — tamen *ne* trovis, kaj ŝi pro tio konsideras malgraŭ la iama malamo sian fratinon kiel sanktulinon. Ŝi donas al ŝi la rigidan infankorpon kaj petegas, ke Violäne revivigu ĝin. Kaj jen eksonas la kristnaskfestaj sonoriloj, trumpetoj anoncas la preteriradon de la imperiestro. Violäne petas la fratinon, ke ŝi legu al ŝi la kristnaskan evangelion. Dum la legado konvulsioj skuas Violäne, eksonas anĝelaj kantoj kaj — jen miraklo okazis: Violäne redonas al Mara la vivantan infanon. Ĝojego kaptas la ĵus tiom malĝojan patrinon, ŝi karesas sian infanon — sed, dua miraklo, la infano nun havas la bluajn okulojn de Violäne! Anunciacio efektiviĝis en Violäne. Kaj Mara forkuras, malbenante ŝian fratinon, kiu laŭ ŝia vidpunkto antaŭe rabis al ŝi la amon de la edzo, nun la infanon. Ŝi plenumas sian venĝon en terura maniero; post kelka tempo Peter von Ulm portas la mortontan Violäne al la patra domo; li trovis ŝin sub amasoj da sablo, kiujn Mara inside verŝis sur la blindulinon. Jakobäus el la vortoj de Peter rekonas la senkulpecon de Violäne, la venĝemon de Mara, li petas kaj ricevas pardonon de la mortanta Violäne. La tago de la enterigo alvenas; revenante de la pilgrimado la patro Andreas li trovas sian domon dezerta, sed en pia sindono li diras en interparolo kun Jakobäus kaj Peter von Ulm varmajn vortojn de konsolo. Malfermiĝas antaŭ iliaj okuloj la ĉiela pordo — tra ĝi eniras la ĉielon la sanktulino Violäne. — Malgraŭ tio, ke por preskaŭ senescepte evangelia protestanta publiko la verko estis io fremda, malproksima, tamen la multaj delikataj belecoj de la agado kaj de la bone germanigita teksto kaptis ĝin kaj kvazaŭ el preĝejo oni iris el la salono de Hellerau. Certe estis grava tasko, kiun prenis sur sin la aranĝintoj, konatigi al ni tiun dramon, kies valoron ne trovas la amasoj, sed kiun atestas la konvinkitaj ĉeestantoj de la Hellerau'a prezentaĵo. — El la aktoroj estis ĉefe citindaj Eva Martersteig (Violäne), Mary Dietrich (Mara), Bruno Decarli (Andreas); pri la enscenigo havas gravajn meritojn D-ro Wolff Dohrn, el Hellerau.

*Johannes Karsch* (Del., Dresden).

### La vivo de hungara patrioto

Antaŭ kelkaj semajnoj en Hungarujo belaj memorfestoj estis aranĝitaj okaze de la centa datreveno de l' naskiĝtago de la hungara poeto, verkisto, filozofo kaj politikisto, *barono Jozefo Eötvös*[1].

Hungarujo dankas lin pro sia preskaŭ tuta kulturo. Kaj li meritas, ke lia nomo estu internacie konata, ĉar la herooj de iu ajn kulturo estas herooj de la homara kulturo; la internacia kulturo ja teksiĝas el naciaj kulturoj.

La 3 septembro 1813 li naskiĝis en *Buda*[2]. Lia patro estis tre amata persono ĉe la imperiestro-reĝa kortego en Vieno, sekve ne tro simpatia en Hungarujo, ĉar la Habsburg-imperiestroj faris konstante kontraŭhungaran politikon, kaj barono Ignaco Eötvös estis unu el la plej fidelaj kaj sindonaj korteganoj. Jozefon *Pruzsinszky*[3], kiel edukanton por sia filo li dungis nur tial, ke la filo malamu en tiu iomete silentema kaj kruda viro la demokratajn ideojn. La patrino, baronino el Vestfalia deveno, Anna *Lilien* estis tre bonkora kaj komprenema rilate al la novaj kulturaj ideoj. En la grava domo, kie *Eötvös* estis edukata, li estis influita de la konservativeco de la familio tiel same forte, kiel de la radikalaj sentoj de l' edukanto. Ke lia karaktero ekhavis difinan direkton sufiĉe frue, de unu stranga epizodo estis la postsekvo. Kiam li komencis viziti la mezgradan lernejon en Buda, li spertis, ke liaj samklasanoj rifuzis lian amikecon. „Ni ne volas koni — ili diris — filon de perfidulo de patrujo." La dekjarulo fariĝis junulo eĉ viro, kiam li estis aŭdinta tiujn malmolajn vortojn. Kelke da momentoj, kaj li trarigardis la konatajn politikajn agojn de la patro, li ekmemoris la maldolĉajn ekparolojn de S-ro *Pruzsinszky*, kiujn li aŭdigis okaze de iliaj promenadoj oftaj tra la *Vérmező*[4] (Kampo de

[1] El „*Právo Lidu*".

[1] Elparolu: Ötvös Joĵev baro.

[2] Antaŭ 1872 *Buda* estis memstara urbo sur la dekstra bordo de *Duna* (Danubo); nune ĝi estas parto de *Budapest* (Budapeŝt).

[3] Elparolu: Pruĵinski.

[4] Granda kampo apud *Buda*, kie *Martinovics* (Martinoviĉ) estis senkapigita, ĉar li, kun kelkaj hungaraj junuloj, starigis kaŝitan

Sango), kaj en la sekvinta minuto li jam staris sur la loko de la profesoro, kaj entuziasme li deklaris, ke li tre konas la agojn de la patro, kiu estas tro fidela kortegano de la *Habsburg*-dinastio, sed nepre ne perfidulo. Se la patro tamen malĝuste faris, li, la filo korektos per siaj agoj, kaj vivos sole por la bono de l' patrujo.

Kion la infano promesis, la viro faris. Laŭ sia deveno li estis membro de la nobela ĉambro de la hungara parlamento. Sed ne nur tie li batalis por la rajtoj de l' popolo, sed ankaŭ en tre gravaj artikoloj aperintaj en la Pesti Hirlap. En 1848 li fariĝis membro de la unua hungara ministraro, kiel ministro por aferoj de l' religio kaj publika instruado. Post la malvenko de la 1848—1849a liberecmilito de Hungarujo li kuris fremdlanden (en Munĥenon, Bavarujo), kaj klopodis per libroj kaj artikoloj antaŭenpuŝi la interpaciĝon de Hungarlando kaj ties reĝo. Kiam la paco estis restariĝinta, li denove okupis la antaŭan ministran seĝon (1867) sed ne tro longdaŭre, ĉar en 1871 la morto elvokis lin el la mondo.

Malgraŭ sia nobela deveno li estis fervora demokrato. Ne tiu, kiu revolucie klopodas aliigi la ekzistantan ordon de l' lando, sed kiu volis konduki la homojn al la politika libereco kaj materia egaleco per la persona libereco kaj per la egaleco de l'kulturo. Multe li vojaĝadis en fremdaj landoj, studante kio estis studinda, kaj ĉiam li cerbumadis pri tio, kiel li povus valorigi siajn spertojn por profitigi al sia lando. Hungarujo estis dum 900 jaroj defenda bastiono de la kulturo. Sed, bedaŭrinde, la bataloj porkulturaj okupis la hungarojn tiel forte, ke ili ne havis sufiĉe da tempo kaj mono ankaŭ por al si akiri la defenditan kulturon de l'Okcidento. De post la organizo de l'lando (1000) trans 300 jaroj pli kaj pli novaj popolamasoj venis el Azio, kiuj malkreis ĉiun kulturon en la landoj, kiujn ili trairis. Hungarujo estis la unua organizita lando, kiun tiuj renkontis. Se Hungarujo ne estus sufiĉe forta ilin repeli, la okcidentaj landoj estus jaron post jaro maltrankviligitaj. La tataramaso en 1241 preskaŭ dezertigis Hungarujon. Tiu sama okazo estis ankaŭ tiam, kiam la turkoj volis submeti la mondon je sia potenco. Dum la lastaj jardekoj de la XIVa jarcento Hungarujo jam devis defendi siajn sudajn limojn, en 1541 jam tri kvaronoj de la nuna Hungarujo estis okupitaj de la turkoj; nur dum la unua jardeko de la XVIIIa jarcento oni sukcesis forpeli tute la turkojn, kaj tiu ĉi 300-jardaŭra konstanta milito preskaŭ tute malhelpis krei ian ajn kulturon. Hungarlando devis esti kontentigita per la fakto, ke ĝi sukcesis defendi la Kristanan kulturon de l' okcidentaj landoj kontraŭ la minacinta turka danĝero. Tial Hungarujo staris tiel malalte sur la ŝtuparo de l' kulturo eĉ je mezo de l' XIXa jarcento. Nur *Eötvös* povis levi tien, kie ĝi jam atingis la nivelon de la ceteraj okcidentaj landoj.

La ideon de la homa egaleco li ellernis el la paroloj de *Pruzsinszky*, la okcidentan kulturon li ellernis de la patrino, baronino *Lilien*, kaj dum sia vojaĝo eksterlanda. Kaj la ideojn, kiujn li bontrovis ĝustaj, li klopodis efektivigi. Unue li klopodis propagandi la modernajn ideojn per la literaturo. Belega lia poeziajo: „Kastelo kaj dometo“ estas apoteozo de l' homa egaleco. Liaj gravaj romanoj: *A Karthausi* (La Karthaŭsano) „Hungarujo en jaro 1514“, „La vilaĝa notario“, „La fratinoj“ en bela poezia formo klopodas amigi la demokratiajn ideojn kune kun la kulturo pli alta. La filozofiaj kaj politikaj artikoloj kaj studoj kolektitaj kun surskribo „Reformoj“, la studoj: „La malriĉuloj en Irlando“, „La emancipo de judoj“, „Planoj por plibonigo de l' arestejoj“ k. t. p. precipe liaj „Ekpensoj“ estas plenaj je gravaj ideoj: egaleco, frateco, humanismo, kies fonto kaj fundamento ne povas esti io, sole la boninstruita popolo.

Kiel membro de l'nobela ĉambro de la hungara parlamento, kaj poste, kiel ministro li bataladis kuraĝe por efektivigi siajn ideojn. Tagon kaj nokton li laboris. Li reorganizis, pli ĝuste organizis la popolan instruadon, li starigis fundamentajn proponojn por reorganizi la universitatojn kaj la mezgradajn lernejojn. Nek mokoj, nek seriozaj kontraŭbataloj lin senentuziasmigis, kvankam la samlandanoj ofte malkomprenis lin. — „Mi estas — li skribis al la filo — kiel muzikanto de l' estonteco kies melodioj estos fajfkantataj de ĉiu ŝuista lernanto post kelkaj jardekoj, sed hodiaŭ neniu komprenas ilin.“ Multajn siajn planojn li ne povis efektivigi, multaj el liaj ideoj restis nur ideoj ankaŭ ĝis nun, sed la planoj tiam forĵetitaj, la ideoj tiam neefektivigitaj (pro manko de volo kaj mono) iom post iom fariĝas en Hungarujo pli komprenataj kaj pli efektiviĝintaj.

Kiel verkisto li estis la unua romanverkisto en hungara lingvo. Antaŭ li nur unu romano aperis (Heredaĵoj de Fanio, v, Joz-Kármán) en hungara lingvo. La plej bela el liaj romanoj — „La Karthaŭsano“ — baldaŭ aperos ankaŭ en Esperanto. Liaj spiritaj produktoj estas tre multaj kaj multspecaj. Kiel deksesjarulo li tradukis hungaren „Götz von Berlichingen“ de Gœthe; liaj komedioj „La kritikistoj“, „Vivu la egaleco!“ k. t. p. estas tre karaj perloj de la hungara literaturo, kiujn oni tradukis en multajn lingvojn. Tamen lia ĉefa merito estas, ke li revivigis Hungarlandon preskaŭ mortintan en la porokcidentaj, kontraŭorientaj bataloj, al vivo de l' kulturo.

Estu benata lia memoro, kiel benata estas la memoro de iu ajn homo, kiu nur fingron movis por antaŭenpuŝi la homaron al la kulturo!

*Elisabeto Ferencz* (Miŝkolc).

societon por propagandi la demokratajn ideojn de la franca revolucio. Tial la nomo de l' kampo.) *Pruzsinszky* estis ano de tiu revolucia societo, pro tiu fakto li ankaŭ devis suferi arestiĝon.

---

## Panama kanalo

II

La kanalo komenciĝas en Atlantika oceano en golfo de Limousse, apud urbo Colón, per libera enirejo longa 11 km; sekvas vico da tri ŝtupformaj, paralelaj, preskaŭ en unu linio kuŝantaj duoblaj akvorezervujoj apud Gatuno. Pluen ĝi iras al artefarita kolosa lago de Gatun, longa 39 km, el kiu tra elfosita entranĉo en montoj Cordilleraj, nomata entranĉo de Culebras, 13 km longa, ĝi fluas pere de akvorezervujo de Pedro-Miguel al mallonga artefarita lago, fine tra du akvorezervujoj apud Miraflores ĝi malsupreniras al 13 km longa kanalo enfluanta al Trankvila oceano apud Panama. La tuta kanalo havas do longecon da 80 km.

Plej granda malfacilaĵo ĉe efektivigado de la projekto de Lesseps estis montrivero Rio Chagres enfluanta hodiaŭ apud komenciĝo de Culebras'a entranĉo en la lagon de Gatun. Dum pluvegoj kreskas ĉi tiu alitempe mallarĝa kaj neprofunda rivereto en 24 horoj ĝis 12 metroj kaj kunportas ĉion, kio baras al ĝi la fluon. Tiun ĉi cirkonstancon praktikigis la projekto de la Usonaj inĝenieroj per konstruo de kolosa valakvo-rezervujo apud Gatun, proksime de enfluejo de rivero Rio Chagres al Atlantika oceano. Ĉi tie estis konstruita digo, kiu ŝanĝas la riveron en lagon da 425 km² profundan je 23 m, kies nivelo estos 26 m pli alta ol nivelo de ambaŭ oceanoj; per tio estis ŝparita preskaŭ duono de la kanalkonstruo, ĉar la vojo sur la lago estas longa 39 km. La lago ensorbas ne nur la riveron Rio Chagres, sed eĉ multnombrajn ĝiajn iamajn alfluojn el ambaŭ flankoj de la kanalo, tiel ke eĉ dum pluvperiodo ĝi kapablas pro sia vasteco ensorbi la kreskintajn riverojn kaj ĝia nivelo plialtiĝas nur 1,50 m, kio estas sufiĉa por akvoperdoj dum

la varmega periodo kaj por movado de turbinoj la tutan jaron.

Unua danĝera punkto de l' tuta entrepreno estas la digo de Gatun. Ĝi estas longa 2,4 km, larĝa 700 m en absoluta alto de marnivelo, 120 m en alto de propra nivelo kaj 30 m en la krono. Ĉar troviĝas rokoj ĝis 60—80 m sub meza akvo, la porfundamentaj elfositaĵoj estis plenigitaj per akvon ensorbanta aluviaĵo. Alteco de la digo estas 35 m super meza akvo, tiel ke ĝi estas 3 m pli alta ol la lagonivelo. Evidente ĝi estas monto, ne digo. La malsorbemo de digo estis atingita tiel, ke sabla teraĵo estis alfluigata inter paralelaj ŝtonmuroj, kiu tie surfundiĝis kaj la akvo pli supre forfluadis.

La Gatun'aj akvorezervujoj kuŝas, kiel jam dirite, en tri ŝtupoj kaj troviĝas tie ses kameroj, el kiuj tri servas al suprentransporto de ŝipoj kaj tri paralelaj por malsuprenigado de ŝipoj el la lago al Atlantika oceano. La plej malsupra kamero levas la ŝipon 8,7 m, poste ĝi eniras duonmalplenan duan kameron, en kiu ĝi estas levita pluajn 8,7 m k. t. p. Plej malgranda akvoprofundo de ĉiu kamero estas 12,2 m, interna larĝo 33,5 m, interna longo 304 m.

Ĉi tiuj kameroj prezentas la duan danĝeran punkton de la entrepreno. Ĉar se la ŝipo disrompos iun el pli supraj pordegoj, estas danĝero por la tuta kamerŝtuparo. Ekzemple granda militŝipo eniros en la kameron kaj se ĝi ne povas hazarde esti rapide haltigita, facile ĝi disrompos la pordegon kaj kune kun kolosa ondego pro tio aperinta, ĉe plua navigo tra la kameroj ĝi povas kiel ludilojn ruinigi ĉiujn pordegojn, kaj tiamaniere la lago estus tute forfluonta.

Kontraŭ tiu danĝero oni faris bonegan gardaĵon ĉe ĉiuj kameroj. La ŝipoj en akvorezervujoj ne moviĝas per propra vaporo, sed ili estas trenataj de 4—8 lokomotivoj kurantaj sur la flankomuroj. Tiel estas forigata la danĝero ĉe telegrafa nekompreno, eraro kaj malbona kompreno de ordonoj. Plue ĉiuj kamerpordegoj estas duoblaj kaj eksterordinare potence fermitaj kun samtempa malfermada aranĝo. Se unu pordego estas disrompita per la ŝipo, rezistas la dua, kiu krom tio estas fortigita ĉe ŝipenveturo per ĉenoj hidraŭlike malsuprenigataj. Ĉi tiuj ĉenoj haltigas grandan kirasŝipon post 4 km-a navigo en 20 m, ĉar ili estas elastaj. Kaj se ĉio ĉi tio restos senefika, en momento de plej granda danĝero oni povas fermi la plej supran kameron per elprovita, movebla protektokluzo kaj fine per naĝanta pontono en la supra enirejo al la akvorezervujo. La kluzo estas fermebla eĉ kontraŭ plej forta akvofluo. Tio estas la plej efikaj konataj gardaĵoj de kamera akvorezervujo kaj certigas plej grandan sendanĝerecon. Ĉiujn kamerojn de kanalo oni povas dum 8 minutoj plenigi aŭ malplenigi, sed ĉe la transporto de ŝipoj oni preferas procedon pli malrapidan, daŭrantan 15 minutojn, por ke la ŝipo pro akvofluo ŝanceliĝanta, ne domaĝigu la kameron.

Sed la plej granda faritaĵo de l' tuta konstruado estas la entranĉo de Culebras. Ĝi estas ĝis nun plej granda entrepreno de rokotraborado. Plej alta punkto de trafosita montaro kuŝas 150 m super la fundo de l' kanalo. Ĉi tie la kanalo sekvas montaran trairejon, kies plej malsupra punkto estas 85 m super fundo de l' kanalo. La tuta forigita montaro, se ĝi estus egalproporcie amasigita en longo de 10 km, en larĝo de 92 m, prezentus 50—60 m altan tavolon super fundo de kanalo. En tiu entranĉo oni devis forigi 72.000.000 $m^3$ da rokoj kaj terajo, el kiuj jam Francoj forigis 12 milionojn. Por la disrompado de rokoj malmolaj estis bezonaj 30 milionoj kg da dinamito.

La laboron en la entranĉo de Culebras grave malfaciligas la malsuprenglitado de teraĵo penetranta tra rokoj. Per tio jam estis superŝutitaj multnombraj vagonaroj kaj homoj. Ĉirkaŭ 6.000.000 $m^3$ tiel jam malsuprenglitiĝis aŭ ankoraŭ moviĝas. Multon oni parolas pri danĝero de tertremo en la kanalĉirkaŭaĵo. Sed estas pruvite, ke dum 200 jaroj nenia tertremo estis ĉi tie rimarkita. Sciigoj pri vulkanoj, fajra lafo k. t. p. estas aŭ konscia aŭ nevola trompado de legantoj pro motivoj politikaj aŭ ekonomiaj.

Por la 30—35.000 kanallaboristoj oni alveturigas ĉiutage bezonajn nutraĵojn kaj vestojn el Usono. Laboras ĉi tie precipe negroj, per kies mallaboremo, seninteligenteco klariĝas la 60 % pli malgranda salajro kaj preskaŭ samgrade pli malgranda laborefekto. Plej malalta salajro de blankula laboristo krom nutrado kaj loĝejo estas 35 sd. po horo.

Ĉiuj elspezoj necesaj por konstruo de la kanalo estos du miliardoj da frankoj, t. e. pli ol 21 frankoj po ĉiu Usonano. Kanalo sen akvorezervujoj (ĉie kun samalta nivelo) kostus 700—950 milionojn da frankoj pli multe kaj ĝia konstruado daŭrus 5—6 jarojn pli longe, pro kio malgrandiĝus ekonomiaj kaj politikaj preferoj, kiujn Usonanoj atendas de l' kanalo.

La konstruadon direktas kolonelo inĝeniero Goethals, kiu estas absoluta estro de l'istmo, kompetentulo en teknikaj, ekonomiaj kaj administraj aferoj. Plej bela atesto por li estas konfeso de altranga germana ŝipoficiro-konstruisto, kiu deklaras neefektivigebla la konstruon de l' kanalo ĉe alia, ekzemple germana organizo. Ĉi tie regas komercista spirito amerikana, kie preciza librotenado pli valoras ol ĉiuj juristburokrataj geniaĵoj.

Trad.[1] *Rakato L-v.* (Innsbruck).

[1] El „*Narodni Obzor*".

---

## La fizikleĝoj pri la ventegoj

Oni diris, ke la maro estas ŝanĝema kaj danĝera elemento, ke la homo ne povas trankviligi la ondojn nek la ventojn; tio estas vero malnova kiel la mondo. Sed pli nova estas la hipotezo, ĉiutage kontrolata de l'naturaj faktoj, kiu klarigas, ke la turniĝojn de l'aero ne produktas la hazardo, ke la movoj de l'aera fluidaĵo rilatas al nepraj bezonoj de l'universala ordo, kaj fine ke la ventegoj, trapasante kontinentojn kaj pli ofte oceanojn, ne estas konfuzoj aŭ malhelpaĵoj de la naturaj elementoj. La plej teruraj furiozoj de l'ventoj kaj ondoj estas reguligataj laŭ sekretaj kaŭzoj, saĝe ordigitaj kiel la iro de l'astraro aŭ la ŝanĝoj de la sezonoj. Plue dank'al tiuj malplaĉaj movegoj, troviĝas kredeble forpelataj malbonoj pli teruraj; tiel same vulkana elsputo malhelpas la eksplodon de l'terŝelo.

De longe la kono de la periodaj ventoj, kiuj blovas sur la Hinda Maro dum ses monatoj al iu flanko, kaj dum ses monatoj al la kontraŭa direkto, la observado pri la tropikaj ventoj kiuj blovas el la oriento al la okcidento, permesis al la ŝipestroj eviti multajn pereojn, sed nur la laboroj de kelkaj scienculoj elmontris dum la XIX^a^ jarcento ĝeneralan admirindan sistemon, nome la leĝon de l'ventegoj.

Romme, franca matematikisto, starigis la unuajn bazojn kuniginte la observojn de la ŝipistoj pri la ciklonoj. Li konkludis, ke la ventegoj malofte antaŭeniras laŭ rekta linio sed ĝenerale montras du movojn; ili samtempe rondturniĝas kaj translokiĝas laŭ grandega kurbo. Brande en Germanujo, Redfield en Usono, fortigis la elpensaĵon de Romme. La angla inĝeniero Reid, misie sendita en 1830 al la insuloj Antilioj post la aera movego, kiu mortigis 1500 homojn, precizigis la duoblan turniĝon; li rimarkis poste, ke la ciklonoj turniĝas ĉe la norda duonsfero el dekstre maldekstren, dum ĉe la suda duonsfero ili sekvas la kontraŭan direkton.

La Anglo Piddington en Calcutta laboris pri grandega komparverko rilate al la tre multaj observoj de l'ŝipdirektistoj kaj marvojaĝantoj, al la antaŭsignoj notitaj de la verk-

istoj malnovtempaj aŭ modernaj, al la certigoj, kelkafoje strangaj, de la Hindoj, Araboj, afrikaj negroj, Ĥinoj, k.t.p. El tiu ĥaosa miksaĵo de verŝajnaj eraroj kaj de nekredeblaj veraĵoj, ekbrulis lumo, kiu stelŝajnas por la ŝipisto. Piddington en 1840 kompletigis la teorion de l'franca fizikisto Peltier, kiu antaŭvidis en la ventegoj elektrajn agojn, kaj en la aeraj movoj rezultaton, ne kaŭzon; li desegnis la iron de l'ventegoj kaj indikis iliajn simptomojn. Poste li priskribis la rimedojn por kalkuli la interspacon al la ciklono, ĝian rapidecon kaj kurbon, kaj ankaŭ ĝian agon je la direkto de la ondoj.

La amerika leŭtenanto Maury studis siavice la teorion de l'ventoj kaj sagace instruis la arton profiti la aerfluojn; li eĉ desegnis por tiu celo admirindajn kartojn. Oni notis la jenan fakton pri la certeco kaj la utileco de tiuj laboroj: Estante sen informo pri la ŝipo San-Francisco oni nur pensis, ke terura ciklono certe atingis ĝin. Maury en la observatorio de Washington tuj kalkulis la kurbon de l'uragano, la puŝojn de la marfluo kaj ventiro; tiel li determinis la lokon kie devis naĝi la ŝipo. Rapide helpŝipo foriris kaj enŝipigis ses cent malfeliĉulojn; unu horon poste dronis la marveturilo.

La radiotelegrafado venis tiam plicertigi la sendanĝerecon de l'maroj, kaj nun oni povas diri, ke nur la frapo de du ŝipoj unu kontraŭ la alia kvazaŭsole kaŭzas ŝippereojn.

Laŭ *Améro*. *F. Karl* (Epernay).

## Reformo de la germana ortografio

Proksimume 30 jarojn ekzistas en Germanujo unuiĝo celanta la ordigon kaj simpligon de la iom konfuza germana ortografio. Nuna prezidanto estas S-ro profesoro Kewitsch en Freiburg (Baden).

Fondite de la lingvisto kaj infan-amanto rektoro D-ro Frikke kaj malavare dotite de li per kapitalo da 10.000 Sm., la societo komence tre konsekvence agis kaj antaŭeniris laŭ la pure fonetika principo. Per la revuo „Reform" D-ro Frikke kaj liaj prezidant-posteuloj Lohmeyer, Spieser kaj Kewitsch batalis por la ideo: Ĉiu sono respondu al sole unu litero, ĉiu litero signifu senescepte unu sonon.

Tial oni komence skribis egale kiel nun en Esperanto *kv* anstataŭ *qu*, *ŝ* por *sch*, *f* por *ph*, *kk* anstataŭ *ck*, kaj uzis apartan signon por *ch* kaj *ng*. La lastan oni prezentis per *n* kun alpendigita rondigita streketo. Grandliterojn oni uzis sole ĉe l'komenco de frazoj kaj por propraj nomoj. Plue oni forlasis la duoblajn konsonantojn en unu silabo kaj la plilongigajn literojn (*h* en *Bahn, Thron* kaj *e* en *Liebe*). Tiamaniere vidiĝis jena vico: *kvelle, kval, ŝule, fotografie, bakke, vaŝe* k. t. p.

Certe la Germanoj al la propagandado de la „Reform"-unuiĝo ŝuldas la partan reguligon de sia ortografio. Dufoje aperis leĝaj ordonoj kaj ministraj vortaroj, kiuj fiksis pli simplan skribmanieron. Jam dufoje oni kompateme forhakis al la hundeto peceton de ĝia vosteto por ŝpari al ĝi tro grandan doloron.

Sed baldaŭ aperis sur la batalkampo kontraŭuloj nome la amikoj de la historia principo, kiuj iom haltigis la reformemon. Ligite kun ili ankaŭ venis la malamikoj de la antikva (latina) skribado, kiuj pro nacia vidpunkto penas konservi la tiel nomatajn „belajn germanajn" gotikajn literojn. Ili kune sukcesis malprogresigi iom la ortografian simpligon. Do la unuiĝo provizore koncesiis ekz. reenkondukon de duoblaj konsonantoj kaj aliaj malgrandaj cedaĵoj por gajni la malreformemulojn. Ofte oni argumentis kontraŭ la proponita simpligo per almontro de la franca kaj angla multe pli konfuzaj skribmanieroj. Feliĉe forfalos de nun tiu bonvena argumento, ĉar ankaŭ en Francujo kaj Anglujo laboras kuraĝaj kunuloj por purigi la nenaturan ortografion. Ĉu ili ne pli efikus kaj atingus per pli intima interkonsento kaj kunlaboro? Grandan dankon mi persone ŝuldas al la germana simpliga ortografi-ligo, ĉar ĝi preparis min al la akcepto de Esperanto. Ekvidinte unuafoje la Esperantan skribmanieron laŭfonetikan, mi sentis min tuj hejme kaj intime. Mi estis venkita per la vereco kaj klareco de ĝia eksteraĵo kaj fine trovis sub la bona vesto sanan korpon kaj brilan animon. Konjekteble Esperanto nun ankaŭ kompense helpos kutimigi siajn germanajn geanojn al pli klara, pli natura germana skribmaniero kaj akcelos la naciajn unuiĝojn por ortografia reformo. *E. Ulitzsch* (Del. Gera).

## ❁ NOTOJ ❁

∴ **Panama Pacifika Internacia Ekspozicio en San Francisko.** — Oni ricevis informon de S-ro S. W. Booth, komercagento de la „Cunard"-vaporŝip-linioj, ke en konferenco de la Britaj liniestroj en Londono, ili decidis, ke elmontrantoj ĉe la ekspozicio devas pagi la regulan transportpagon okcidenten kaj je la fino de la ekspozicio la montraĵoj estos resendataj *senpage*. Tiu ĉi transportpago estas pli malkara ol iam antaŭe estis donita dum ekspozicio en Usono. Oni pagos nur por sendi sur vaporŝipoj kaj fervojoj, kaj la resendo estas senpaga. — *L. H. Gorham* (Del. Oaklando).

∴ **La plej malgranda el la respublikoj.** — Kiam oni parolas pri malgrandaj respublikoj, oni kutime citas tiujn de Andorra kaj de San-Marin, kiujn oni komparas al la liliputaj princlandoj de Monaco kaj de Lichtenstein. Malprave, ĉar ekzistas, ĉe la nord-okcidenta marbordo de Sardejno, malgrandega ŝtato, kiu tamen havas historion. Ĉe la enirejo de la golfo de Terranova, apud la Tirena Maro, staras la kalka insuleto Tavolara, la „Bucina" de l'Romanoj, kiuj tie rikoltis purpuron kaj perlojn. La „sendependa" teritorio de Tavolara, kiu enkalkulas apenaŭ kelkajn centojn da loĝantoj, estis regata de dinastio, kies lasta reĝo Petro I[a], estis sukcesinta akceptiĝi de Karlo-Alberto, reĝo de Piemonto, sian regadon. La reĝo de Tavolara mortis ne lasante infanojn, kaj la enloĝantoj proklamis la respublikon. Ĝia prezidanto estas elektita por dek jaroj. La virinoj havas la balotrajton. Malgraŭ tio, tiu respubliko ne igas paroli pri si.

∴ **La Eŭropa alfabeto en Japanujo.** — Militas nun tre eminentaj japanaj kleruloj por la anstataŭigo de l'japana desegna alfabeto per la Eŭropa litera alfabeto. Oni konstatas, ke la junaj Japanoj perdas multe da jaroj por lerni la „sakani" skribadon. Multe pli facile por ili estus uzi kaj memori la dudekkvin aŭ dudekses literojn de nia alfabeto. La kleruloj, kiuj deziras tiun preskaŭ revolucian reformon, argumentas laŭ la necesoj trudataj de l'progreso kaj de la internaciaj rilatoj. En Japanujo, ili diras, oni telegrafas laŭ la okcidenta sistemo; logike do estus uzi tiujn, t. n. „romagi" literojn por la ordinara skribado; tio ebligus al la fremduloj la lernadon de la ĝis nun ne lernebla japana lingvo, kaj farus grandegajn servojn en la komercaj rilatoj inter la modernaj nacioj kaj la antikva imperio de l'Leviĝanta Suno. — *L. P.* (L.).

∴ **Elektra kulturo.** — Sciencistoj rimarkis, ke iuj elektraj fluoj faciligas la disvastiĝon de diversspecaj vegetaĵoj; sveda doktoro Svante Arrhenius ĵus elprovis novan metodon apliki tiun fenomenon al la infana kreskado. Tre kuriozaj eksperimentoj estis faritaj en Stockholmaj lernejoj: dum sinsekvaj tagoj oni kunigis en laborĉambro, kie troviĝis elektra aparato produktanta fortajn fluojn, dekojn da lernantoj, nenion sciantaj pri tiu kuracado; en apuda ĉambro, sed sen aparato, kuniĝis aliaj knaboj samintelígentaj kaj sambonsanaj. Post ses monatoj kuracistoj kaj profesoroj detale ekzamenis la ambaŭajn kampojn kaj rimarkis, ke la senvole elektrigitaj junuloj dufoje pli rapide progresis, inteligente kaj korpe, ol la aliaj senigitaj de tiu stranga kuracado. Konsekvence novaj eksperimentoj estos farataj: Doktoro Morton, profesoro de elektroterapio ĉe la medicina fakultato en New-York, opinias, ke tiu nova metodo devas esti tutmonde disvastigata: li deziras, ke en ĉiuj lernejoj estu minimume starigata unu elektra ĉambro. — *M. G.*

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Nia ŝatata kunlaboranto Verto, premegata de neesperanta laboro, komisiis sian filon, kiu ankaŭ estas el niaj estontaj bonaj verkistoj, la taskon verki la nunan recenzaron. Tial la subskribo Vertido, kiu de nun alterne kun tiu de Verto estos legebla malsupre de tiu rubriko.* *(Red.)*

* * *

*B. Kotzin.* — **Historio kaj teorio de Ido,** kun antaŭparolo de *R. Brandt*, profesoro-lingvisto en Moskva Universitato. Eld. Librejo Esperanto, Lubjanskij projezd, 3, Moskvo, Rusujo. Prezo: Sm. 0.53.

La verko de S-ro Kotzin estas la frukto de longa kaj konscienca studo de la Ida afero kaj lingvo. La libro estas antaŭita de kelkaj vortoj de S-ro Brandt, per kiuj tiu profesoro montras la malfacilaĵojn, kiujn li renkontis en sia reforma provo de nia lingvo. Kiel ĉiuj lingvistoj, S-ro Brandt vidas la vortojn en la vortaro, ne en la frazoj: li, efektive, diras ke li preferas „marego" ol „oceano", ĉar oni povis kredi, ke tiu lasta vorto signifas „ian anon". Oceano tute ne povas tion signifi 1e Ĉar en frazo oni tute ne povus erari, 2e Ĉar la radiko „Oce" tute ne ekzistas en Esperanto: S-ro Brandt estas vere Idisto laŭ la pensmaniero. La libro de S-ro Kotzin estas dividita en tri partoj: la unua estas historia, la dua teoria, kaj la tria ĝenerala. En la historia parto, S-ro K. pritraktis sufiĉe detale la fian laboron de la delegacio kaj la rolon de la advokato de Esperanto, S-ro de Beaufront. La teoria parto estas detalega kritiko de Ido, kiu montras, ke la aŭtoro bone konas, kion li priparolas; en proksimume okdek paĝoj S-ro K. ekzamenas la alfabeton, akcenton, deklinacion, adjektivon, verbon, derivadon, vortaron, belsonecon, k. c.; tiu parto estas valora precipe pro la kunigo de dokumentoj, sciigoj, dissemitaj en libroj kaj gazetoj. La tria ĝenerala parto estas eble la plej interesa, ĉar ofte S-ro K. bone vidis la ĝeneralan spiritospecon, kiu regas ĉe la Idistoj, ekzemple kiam li montras ilian sintenon rilate al poezio kaj interna ideo; tiam oni klare komprenas, ke super la detalaj gramatikaj demandoj estas ĝeneralaj problemoj kiuj (ne parolante pri la aĉaj demandoj) estas la veraj kaj lastaj kialoj de la Ida afero. Estas tiuj problemoj, kiuj intermetas neplenigeblan fosegaĵon inter la du lingvoj kaj permesas elekti klaran kaj pozitivan sintenon kontraŭ ili. La libro de S-ro K. estos vere utilega por elaperigi la profundajn kaŭzojn de l'Ida krizo.

* * *

*Cart kaj Robert.* — **Esperanto, notions complémentaires.** Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris. Prezo: Sm. 0.16.

Tiu libreto estas aldono al la „Notions élémentaires" kaj al „Bildaro". Ĝi entenas dek-du lecionojn, en kiuj la aŭtoroj revidigas, insistante, kelkajn gramatikajn demandojn aŭ vortosencojn. Ĉiu leciono finiĝas per franca frazaro tradukota. La aŭtoroj deziris gvidi la lernantojn en la apliko de l' reguloj en la okazoj, kie la franca lingvo ĝin igas malfacila. Eble la lernanto estas ofte *tro* gvidata: mi kredas, ke oni ne devas enkateni la lernanton, sed lasi al li ian liberecon; la lernanto devas venki la francajn kutimojn precipe legante Esperantajn tekstojn, kie li trovas kaj akiras senpene kaj plene la internacian stilon. Plie troa precizigo estas ofte danĝera: ekzemple mi legas sur la p. 9: oni ne tradukas *à, de* antaŭ infinitivo dependanta de verbo: *j'apprends à chanter,* mi lernas kanti. Tiu regulo ŝajnas malpermesi, ke oni traduku tiujn francajn vortojn, kiam ili havas iun sencon kaj rolon; en la elektita ekzemplo la prepozicio *à* povas esti tradukita per „por" se oni deziras insisti. Tiaj tro precizigaj reguloj povas ofte forigi el la lingvo parton de ĝia vivo: originalecon en la stilo.

Sed tiuj rimarkoj estas certe ne gravaj, kaj la lernanto, kiu estos studinta la tutan kursaron de S-roj Cart kaj Robert perfekte konos nian lingvon.

* * *

*A. Saĥarov.* — **Superforta ambicio,** skizo el la Esperantista vivo, originale verkita; eld. Librejo Esperanto, 3, Lubjanskij proezd, Moskvo, Ruslando. Prezo: Sm. 0. 22.

Tiu originalaĵo estas tute korekte verkita, preskaŭ senpresera. Ĝi temas pri grupa prezidanto eksigita el sia prezidanteco; furioza pro la nereelekto li fariĝas idisto, kaj fine forlasas ankaŭ Idon. Tiu rakonto ne estas tre interesa, kaj oni ne bone komprenas, kion celis la aŭtoro. Eble ĝi estas nur la priskribo de reala okazaĵo kaj pro tio povas interesi la personojn, kiuj konas ĝin efektive.

* * *

*Grabowski.* — **El Parnaso de popoloj,** poemaro. Eld. de „Pola Esperantisto", str. Ŝopena, 8, Varsovio (Polujo). Prezo kun trasendo: Sm. 1. 15.

S-ro Grabowski, nia konata verkisto, kunigis, en tiu 228-paĝa libro, poeziaĵojn tradukitajn de li el diversaj lingvoj. Tiuj tradukoj estas vere ĉarmaj kaj ĝenerale donas la saman impreson kiel la originalo. S-ro G. estas, efektive, sperta tradukisto: li scipovas mirinde reprodukti la ritmon, la graciecon de l' versoj de famaj ĉiulingvaj verkistoj. Kelkaj tradukistoj, kontraŭe, celas nur „fotografi" la originalaĵon; ili ofte estas tiom skrupulaj, ke ili eĉ tradukas laŭvorte la naciajn esprimojn de la aŭtoro; tio estas la objektiva traduko per kiu oni penas kiel eble plej similigi ĝin al la originalo. Tia metodo tute ne trafas la veran econ de traduko, kiu devas naski la saman efekton kiel la originalo. Se oni laŭvorte tradukas, la fremda leganto tute ne estas en la sama animstato kiel la enlanda: la naciismoj, kiuj estas tute naturaj por la lasta, estas tedaj kaj nekompreneblaj por la unua. Ne, S-ro G. scias krei tiun saman animstaton; li ne forgesas, kiel tion emas kelkaj tradukistoj, ke ekzistas ne nur originalo kaj traduko, sed ja ankaŭ subjektoj, kiuj ilin perceptas.

Tiujn poeziaĵojn, kiuj devenas el plej disaj naciaj fontoj, unuigas do unue la metodo, laŭ kiu ili estas tradukitaj. Sed alia pli potenca fadeno ilin kunligas: tiu fadeno estas internacia; ĝi ne nur trairas la poeziaron de l' ĉiulandaj sentoj, amo, espero, malespero,... sed ankaŭ tiun de l'amoj patrujaj; la aŭtoro ŝajnas esti trairinta tiun diversaspektan poezian mondon kaj, kolektinte la diversajn florojn de l'patrujaj sentoj, li faris el ili riĉkoloran bukedon, kiu estas nia Esperantismo. Tiun belegan bukedon li prezentas en la komenco de l' verko. La profunda kunliganta elemento ja ne estas la patruja blinda kaj egoista amo, sed la amo firma, kiu estas ero necesega de pli granda, larĝa amo: la homara.

Per amo al hejmo, patrujo, nacio,
Ni flamas en koro fidela,
Kaj same fidelaj al hejma altaro,
Ni sentas nin filoj de l' tuta homaro.

* * *

**Vojaĝado en Finnlando,** gvidlibro havebla kontraŭ du respondkuponoj el Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

Jen estas 64-paĝa gvidlibro tute bone verkita kaj plaĉe ilustrita. Ĝi estas bone verkita ne nur pro la bona Esperanta stilo, sed ankaŭ pro la agrabla maniero laŭ kiu estas pritraktita la temo de l'libreto. Ofte tiaj verketoj estas sekaj kaj tedaj; tiu ĉi vere sentigas, ne nur per la cetere mirindaj ilustraĵoj, la ĉarmegan belecon de Finnlando.

* * *

*E. Privat.* — **Kursa lernolibro,** laŭ praktika parola metodo. Eld. Universala Esperantia librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. Prezo: Sm. 0. 20.

La lernolibro de S-ro Privat celas paroligi en Esperanto, kio estas ofte peniga, la lernantojn de niaj kursoj. Ĉiu leciono komenc-

iĝas per kelkaj demandoj entenantaj unue simplajn vortojn, kiuj, diverse kombinitaj, permesas ne cerborompantajn kaj tute ne filozofiajn interparoladetojn. La profesoro skribas sur la tabulo la fundamentajn vortojn, kiujn li tradukas al la lernantoj. Poste li demandas ilin per tiuj vortoj, kiuj same utilas solaj por la respondoj. Ĉiu leciono aldonas vortojn, kaj tiel grade komplikiĝas la interparoladoj. Ekzemple en la unua leciono tiaspecaj estas la demandoj kaj respondoj: „Kie estas la frato? — Li estas en la domo." En la naŭa, oni povas jam demandi „ĉu la muŝoj manĝas fiŝojn!" la respondo estas: „Ne, mia amiko, sed la muŝojn manĝas fiŝoj". Kiel oni povas vidi per tiu ekzemplo la interparolado filozofiiĝas. En la lastaj lecionoj estas Esperantaj tekstoj, rakontoj, priskriboj sekvataj de demandaro. La konversacio fariĝas tiam tute natura. La bonega lernolibro finiĝas laŭ tre rekomendinda maniero: per resumo de l'historio de Esperanto, kaj per la Espero. Tiel estas enkondukita post plena iniciado la nova disciplo en la Esperantan mondon.

* * *

*Roksano.* **Geedzigopeto,** triakta komedio. Eldonejo de „La Marto", Haida (Bohem.). Prezo: Sm. 0.25.

S-ro Grivendo, malatentema sciencamanto, vizitas S-ron Lavangon mikrobtimemulon, petonte de li por sia filo la manon de lia filino. La malatentemeco de unu kaj la mikrobtimemeco de l'alia okazigas multajn ridigajn scenojn. Intervenas razisto, juvelisto kaj policano. Kompreneble, ĉio gaje finiĝas per interkisadoj kaj geedziĝo.

Certe la prezentado de tiu bonhumora komedio devas esti tre amuza; la dialogoj estas viglaj, la agado rapidmova, la stilo absolute korekta, la presado tute senerara. Estas vera plezuro, ne nur legi, sed ankaŭ recenzi tiajn eldonaĵojn. Prave la Esperantista Literatura Asocio varme rekomendis tiun novan originalan verkon de la vic-ĉef-vagabondino. *Vertido.*

* * *

*ALIAJ RICEVITAJ LIBROJ*

*S. P. Rantov.* — **Internacia lingvo Esperanto,** propaganda broŝuro en rusa lingvo. Eld. Fedulov, sokolvaja, 112, Saratov, Rusujo. Prezo: 5 sd.

*S. P. Rantov.* — **Esperanto en vilaĝo,** propaganda broŝuro en rusa lingvo. Eld. Fedulov, Sarato, Rusujo. Prezo: 5 sd.

*A. J. Vigas.* — **Manual practico de la lengua internacional Esperanto.** Caracas (Venezuelo). Prezo ne montrita.

Tiu dekpaĝa bone verkita gramatiketo estas la unua verko pri Esperanto, presita en Venezuelo.

**Gvidlibro tra Los Angeles kaj Kalifornio** — eldonita de la la komerca ĉambro en Los Angeles.

Tiu lukse ilustrita gvidlibro (64-paĝa) estas senpage dissendita de la komerca ĉambro de Los Angeles.

**Breslaŭ,** vortpentraĵo de Hugo Kretschmer, Esperantigita de Germana Esperanto-Asocio.

Agrable verkita, bonstila, 24-paĝa gvidlibreto.

**Intermita sciigo** n-o 3. La parlamento kaj ĝia organizo. Aĉetebla ĉe S-ro Klingenberg, prof., Dahls Gate, 18, Kristiania, Norge. Prezo: Sm. 1.53.









# Bileto de blankbarbulo

## *Pri niaj kursoj kaj ekzamenoj*

*Tre necese estas, ke ni instruu Esperanton, kiel ni instruas ĉiun alian vivantan lingvon.*

*Esenca diferenco ne ekzistas inter ĝi kaj la lingvoj angla, germana, franca, itala k. t. p.; ĝi nur estas, pro la pli severe aplikata leĝo de l'analogio, multe pli facila kaj, sekve, pli rapide lernota.*

*Ia lingva strangaĵo ne estas nia Esperanto.*

*Niaj lernantoj devas do esti profunde konvinkitaj, ke ĝia vortaro, ĝiaj reguloj, ĝiaj leĝoj estas tiel firmaj kaj respektindaj, kiel tiuj de aliaj, de ili lernataj lingvoj.*

*Tiun konvinkon ili havos nur, se la instruistoj estas mem kvazaŭ trapenetritaj de tiu ĉi ideo kaj ne diskutas aŭ pritraktas Esperanton, kiel ili neniam kuraĝus diskuti kaj pritrakti alian vivan lingvaĵon.*

*El tio rezultas, ke, kiel niaj programoj, niaj ekzamenoj ankaŭ devas esti kiel eble plej similaj al la ekzamenoj pri modernaj lingvoj tiaj, kiaj ili ekzistas en la diversaj landoj.*

*Ĉu tio signifas tamen, ke ni devas kontraŭstari la projekton de UEA pri starigo de egalvaloreco inter la diverslandaj diplomoj?*

*Certe ne, se nur oni lasas al ĉiu lando la necesan liberecon, por ke ĝi alkonformigu siajn programojn kaj provaĵojn laŭ la lokaj kutimoj, kaj se ni akceptas la liberalan sistemon de la „ekvivalento", kiu jam ekzistas inter multaj landoj por ŝtataj ekzamenoj je la eniro en la fremdajn universitatojn.*

*En tiu ĉi spirito la „Societo franca por la propagando de Esperanto" akceptis aldoni al siaj nunaj ekzamenoj ian „praktikan" programon, kiun ĝi intencas starigi interkonsente kun UEA. Tiu ĉi speciala programo enhavas demandojn pri la historio kaj organizado de nia movado. Ne deviga estas tiu ĉi parto de l'ekzameno, sed la kondukantoj de la kursoj insistas amike apud la lernantoj, por ke ili ĝin plenumu.*

*Sur la diplomoj donitaj al la kandidatoj estos enskribita la mencio „praktika" kaj iliaj nomoj, sur la publikigita listo de la diplomitoj, estos sekvataj de la literoj U E A.*

*Tiamaniere, konservante la necesan aŭtonomion de la nacia societo kaj tiun de UEA, ni montros al ĉiuj, ke, kiam sincere oni deziras la konkordon, ĝi ĉiam estas ebla per reciproka respekto kaj bonvolo.*

Th. Cart.



## EĤOJ DE LA KONGRESO

### Internacia studenta kongreso en Bern 1913.[1]

La duan studentan subkongreson kunvokis Universala Studenta Asocio (studenta fako de UEA) kun Corda Fratres. Ĉeestis 34 personoj el 9 nacioj. Okazis unu vespera kunveno por amika interkonatiĝo kaj du laborkunsidoj la 26 kaj 29 aŭgusto en la universitato. Anstataŭ forestanta fakestro Joĵa Mareŝ malfermis la kongreson kol. Krestanof (Bulgaro), tralegis leteron de kol. Mareŝ el Luhaĉovice kaj la de li proponitan programon, kiun la ĉeestantoj aprobas. Estis elektata estraro dumkongresa: Honoraj prezidantoj S-roj E. Boirac, rektoro de la universitato en Dijon kaj Prof. Engler el Wien; prezidanto kol. Jvan Krestanof (Bulgaro) el Dijon, vicprezidantino S-ino Henriet-Nolotte (Francino) el Dijon, 1a sekretario kol. René Charles Pichon (Franco) el Paris, 2a sekretario kol. Pier Carlo Monti (Italo) el Pavia.

Kol. prezidanto elokvente pritraktas la demandon pri Esperanto kaj la junularo; li klarigas, ke la subkongreso estas aranĝata ne nur por membroj de USA kaj CF, sed ankaŭ por ĉiuj aliaj negrupigitaj junuloj. Unua sekretario legas grandare senditajn salutleterojn (15). Poste parole salutas la kongreson: En la nomo de Politeknika Instituto kaj de la Instituto de Civilaj Inĝenieroj en Peterburg kolegino Nozikova. En la nomo de universitato en Pavia kaj Milano kol. P. C. Monti. En la nomo de universitato en Leipzig kol. Kröber, de universitato en Praha kol. Stejskal. En la nomo de bulgara studentaro kol. Krestanof. En la nomo de Franca Federacio de Junaj Esperantistoj kaj de Studenta Grupo en Paris kol. R. Pichon.

La prezidanto tralegas raporton de la fakestro Mareŝ pri Universala Studenta Asocio. La kongreso unuanime aprobas la raporton kaj decidas sendi al la fakestro Mareŝ salut- kaj dankleteron. Kol. Monti tralegas oficialan raporton pri Corda Fratres, pri kiu diskutas kol. Olŝvanger, Chandelliez, Monti, Krestanof kaj S-ino Henriet-Nolotte. Post klarigoj de kol. Monti la raporto estas aprobata.

Kol. Krestanof detale parolas pri samtempe okazanta Oka Internacia Kongreso de Studentoj en Ithaca (Usono), aranĝata de Corda Fratres. La kongreso aprobas sendi salutleteron kun deziro, ke la studentkongreso uzu la lingvon Esperanto.

Kol. Mahn (Breslaŭ) paroladas pri universitataj gvidfolioj, post kiu parolado la prezidanto fermas la kunvenon.

Duan kunsidon bonvolis viziti ankaŭ Lia Moŝto la Rektoro de la universitato en Bern, S-ro Privat kaj kolegino Zamenhof. Oni aprobas raporton de la 1a sekretario Pichon pri unua kunsido. Detale oni pritraktas la gravan temon: Internacia Studenta Organizaĵo; multe diskutas S-roj Privat, Krestanof, Olŝvanger, Pichon, Mahn, Kröber, Marchand k. a. Prof. Privat parolas pri Corda Fratres, diras, ke ĝi devas esti reorganizata en Eŭropo; kial ne sur Esperanto? Kol. Pichon opinias ke, se la organizaĵo estas propaganda, ĝi memstaru, — se aplika, ĝi fakiĝu en UEA. Post longa diskutado oni aprobas (laŭ plimulto da 5 voĉoj) la jenan rezolucion:

„La studentoj kaj junuloj kunvenintaj en Bern esprimas la deziron, ke iliaj samuloj aliĝu al Studenta Fako de UEA por profiti kaj profitigi ties servojn, kaj tiel akceli sian specialan propagandon.“

Diskutado pri studenta gazeto: sen rezultato. Diskutado pri la studenta terminaro: estas akceptita la propono de studenta komisiono pri difino de vortoj „studento-lernanto“.

Laŭ propono de kol. Mareŝ oni decidas aranĝi trian studentkongreson en Paris 1914 dum la Deka. Estas elektita jena prepara komitato: Pichon (Paris), Krestanof (Dijon), Mareŝ (Luhaĉovice), Litauer (Varsovio), Christaller (Stuttgart).

Al estraro de UEA la kongreso rekomendas pligrandigi studentan komisionon per 5 novaj anoj, kol.: Jvanov (Peterburg), De Leener (Bruxelles), Loth (Lausanne), Martinet (Paris), Robertson (London).

Estas diskutate pri la proponoj pri Corda Fratres de kol. Mareŝ, Zatecky, Kundera, Camuffo k. a. Ĉar ili koncernas la internajn aferojn de tiu ĉi societo, la kongreso ne decidas pri ili, lasante decidon al la membraro de la Corda Fratres.

Per dankoj al S-ro prof. Privat (aplaŭdoj) post parolado de kol. René Pichon la prezidanto fermas tiun ĉi sukcesplenan studentkongreson. Je revido en Paris 1914!

*Woborski.*

[1] Pro malsano de la fakestro, tiu raporto estis prokrastita.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Burgebrach* (German.). — Fondiĝis nova grupo. — O. R.

*Clermont-Ferrand* (Franc.). — S-ro Peireira, Del., fondis novan grupon; prez. estas S-ro Icole, profesoro. — P.

*Deva* (Hungar.) — Post kvinsemajna sukcesa kurso de S-ino Serafino Fodor estas fondita nova grupo. — A. V.

*Fleissen* (Aŭstrio). — Nova grupo estas fondita; prez. S-ro pastro Alberti; kursgvidanto: S-ro Hechtl, Franzensbad. 19 membroj. — K. H.

*Kronach* (German.) — Nova grupo estas fondita. — O. R.

*Kursk* (Rus.) — S-ro Rishkov, Del., nun klopodas pri fondo de Esp. Societo. — R.

*Lublin* (Rus.). — La 22 oktobro fondiĝis filio de Pola Esp. Societo, kies sidejo estas en Varsovio; prez. estas S-ro D-ro F. Zavadzki. — J. N.

*Marienbad* (Aŭstrio). — Nova grupo; prez. S-ro Themel; S-ro Hell, Eger, gvidas la kurson kun 70 personoj. — K. H.

*Peterburg* (Rus.). — Sekve de sukcesplena parolado de S-ro Dmitriev ĉe la Virinaj Politeknikaj Kursoj fondiĝis nova grupo la 28 oktobro kun 35 membroj. — Estas ankaŭ fondita „Ligo de Studentoj-Esperantistaj“, konsistanta el 9 grupoj memstaraj ĉe diversaj superaj lernejoj. Entute la Ligo havas 250 membrojn. — La grupo Esp. en la Teknologia instituto ricevis promeson de la instituta profesoro, ke oni ĉiujare subvencios la grupon per 50 rubloj. — E. D.

*Szászváros* (Hungar.) — Fondiĝis grupo kun 30 anoj. — Ö. N.

**Novaj kursoj.** — *Bamberg* (German.) — Estas organizitaj du kursoj. — O. R.

*Beaune* (Franc.). — Grava afero estas la enkonduko de Esperanto ĉe la vinberkultura lernejo de Beaune. Tiu bonekonata lernejo instruas multajn fremdulojn, kiuj ofte ne scias aŭ malbone scias la francan lingvon. De nun, la fremdaj lernantoj povas interparoli per Esperanto kun la direktoro. La kurso estas gvidata de S-ro Debaune. La Del. de UEA estas petataj atenti pri tio. — B.

*Boras* (Sved.). — S-ro O. Roesel gvidas kurson kun 32 partoprenantoj. — O. R.

*Bruges* (Belg.). — La loka grupo malfermis Esp. kurson. — Y. T.

*Brockwitz apud Meissen* (German.). — Fino Felber nun instruas al 15 infanoj Esperanton. — J. K.

*Cannes* (Franc.). — La publikaj kursoj komenciĝis la 18. nov. — C. C.

*Cholet* (Franc.). — Du kursoj komenciĝis gvidataj de S-roj Boisson kaj Tetier. — G. L.

*Cortemaggiore* (Ital.). — S-ro P. M. Carolfi malfermis la 27 okt. tre sukcesan kurson. — M. C.

*Deva* (Hungar.). — Okazas tri kursoj kun 220 lernantoj. — A. V.

*Dresden* (German.). La 4. Februaro en E-Hejmo, Pirnaische str. 50, komenciĝos kurso por komencantoj, la 5. sama monate supera kurso. — J. K.

*Georgswalde* (Aŭstrio). — Malfermiĝis nova kurso. — F. K.

*Hatszeg* (Hungar.). — Post propaganda parolado de S-ro D-ro A. Vegh, Del. en Arad, komenciĝis kurso gvidata de S-ro Kardos. — A. V.

*Isola* (Aŭstrio). — Nova kurso gvidata de S-ro P-ro D. Cossaro sub aŭspicioj de Katedro de Esp. — D. C.

*Leipzig* (German.). — La Laborista Esp. Societo „Frateco", kiu kalkulas nun 120 membrojn, malfermis 17 kursojn en diversaj lokoj kaj instruas entute 186 lernantojn. — H. R. V.

*Niederhernsdorf apud Potschappel* (German.). — S-ro Scheibler komencis Esp. kurson por popollernejanoj; 29 infanoj. — J. K.

*Novy Sacz* (Aŭstrio.). — Nova kurso kun 17 anoj ĉe la „Laborista Domo"; gvidas S-ro Barbecki. — E. I.

*Philadelphia* (Usono). — La Esp. Societo malfermis la 15. nov. novan kurson. — C. C.

*Piski* (Hungar.). — S-ro Ander, prof. gvidas kurson por 30 membroj. — A. C.

*Plzen* (Aŭstrio). — Kurso estas malfermita. — F. K.

*Potschappel* (German.). — S-ro Johne, Del., nun instruas 15 knabojn el la popollernejo pri Esp. — J. K.

*Puj* (Hungar.). — Kurson kun 20 anoj gvidas S-ro Adalberto Kardos, Vicdel. Arad. — A. C.

*Regensburg* (German.). — S-ro D-ro Seeberger gvidas kurson en la nova gimnazio. — P. B.

*Szászváros* (Hungar.). — S-ro Kardos gvidas novan kurson, kiu estas la rezultato de propaganda parolado de S-ro A. Vegh, Del. en Arad. — A. V.

*Versailles* (Franc.). — S-ro Chilard, Del., direktas kvar kursojn. — L. C.

*Villach* (Aŭstrio). — Novan kurson kun 36 anoj gvidas S-ro F. Homer. — E. V.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Cholet* (Franc.). — Granda Esp. ekspozicio estis malfermata la 26 okt. Multaj vizitantoj interese rigardis ĝin. Posttagmeze S-ro Cart faris tre sukcesan paroladon antaŭ pli el 300 personoj. — G. L.

*Dresden* (German.). — „Societo Esperanto Dresden." En monata kunveno de decembro, okazonta la 9 decembro en Herzogin Garten, S-ro Karsch, parolos pri Paris, la urbo de la Deka, kaj montros belegan serion da lumbildoj. — La jarĉefkunveno okazos en Herzogin Garten la 13 januaro; la fondiĝfesto estos aranĝata Dimanĉon, la 1 februaro en la granda salonego de Vereinshaus. La jam komenciĝintaj preparoj promesas feston brilegan. — J. K.

*Elberfeld* (German.). — La 16 novembro okazis la ĝenerala kunveno de la Rejna-Vestfala-Esperanto-Ligo, kiu estis tre bone vizitata. Al la ligo nun apartenas 20 societoj. En la lasta jaro ĝi treege kreskis sub la nova estraro, D-ro Linker kaj ĉefredaktoro Hartenfels en Hagen, kaj sekve de nova ligogazeto „Progreso". Ĝi nun estas la duagranda unuiĝo de GEA — P. T.

*Franzensbad* (Aŭstrio). — Jam okazas la preparaj laboroj por la IVa Tutaŭstria Kongreso. La urbestro donos al ĉiu kongresano senpage loĝejon, banojn, kaj disponigas senpage orkestron kaj kuracĉambregon. La kongresa komitato starigos Esp. monumenton, similan kiel la poŝtmonumento en Bern. En la monkolekto ankaŭ partoprenis Ŝia princina Moŝto per donaco de 100 kronoj. Ĝis nun 500 kronoj estas kolektitaj. — F. K.

*Fresnes* (Franc.). — La 14 decembro okazos granda propaganda festo, al kiuj ĉiuj samideanoj, kiuj povas ĝin ĉeesti, estas kore invitataj. La programo enhavas koncerton, kantojn, paroladon kaj teatraĵon. Oni skribu al la Del., S-ro R. Richez, — R. R.

*Potschappel* (German.). — La 29 novembro okazis kunveno de instruistoj de la tiea regiono, al kiu S-ro instruisto Funk, Döhlen, prezentis siajn lernantajn geinfanojn en Esp. provleciono. — J. K.

*Weinböhla* (German.). — La grupo festos la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof la 13 decembro per festo en Centralgastejo. Festparoladon faros D-ro Arnhold, Dresden. la junaj lernantoj de S-ro Sohrmann prezentos kristfestteatraĵon.

**Paroladoj.** — *Firminy* (Franc.) — Propaganda parolado estis farata de S-ro Rousset la 19 nov. pri Esp. kaj UEA; ĉeestis multaj personoj. — M. C.

*Friedrichsthal* (German.) — La 16 sept. S-ro Omlor, Del., parolis en la asocio „Kazino" pri la Esp. movado. Oni proponis fondi Esp. rondon inter la membroj de la „Kazino". — A. H.

*Isola* (Aŭstrio). — La 20 nov. okazis sukcesa parolado de S-ro P-ro Dem. Cossaro, Del., antaŭ multaj ĉeestantoj. — D. C.

*Meissen* (German.). — S-ro Sohrmann, Weinböhla, parolis la 19 novembro en Bontemplana loĝio Meissen pri la valoro de Esp. por Bontemplano. — J. K.

*Praha* (Aŭstrio). — En la bohema societo Esp. okazis la jenaj paroladoj: 7 okt. S-ro Hromada pri Carlo Bourlet, 12 personoj; 14 okt. S-ro Stejskal pri la Berna Kongreso, 21 personoj; 21 okt. S-ro P-ro Pitlik pri sia vojaĝo tra Eŭropo, 1a parto, 27 personoj; 4 nov. daŭrigo, 35 personoj. — H.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Esperanto kaj turismo.* — La bohema urbo *Klatovy* eldonis artan reklamafiŝon pri siaj vidindaĵoj. Teksto bohema, franca, angla, germana, rusa kaj esperanta. — En ĉiu stacidomo, publika oficejo, gastejo, kafejo de Praha estas videblaj verde presitaj afiŝoj, atentigantaj, ke en la oficejo de la Urba Adresaro de Praha, kies redaktoro estas Del. de Praha, S-ro V. Kraus, estas uzeblaj ĉ. 200 adresaroj de fremdaj urboj. La kolekto, akirita helpe de la Delegitoj de UEA estas multe uzata precipe de komercistoj. La oficialaj afiŝoj estas en la lingvoj bohema, Esperanta, germana, franca, angla, rusa. — La gvidlibro de Praha, eldonita de Bohema landa ligo turista en lingvoj germana, franca, angla, enhavas adresojn de ambaŭ Esperanto-oficejoj de Praha, tuj post la konsulejoj de fremdaj ŝtatoj. — *H.*

.˙. *Esperanto kaj komerco.* — Peterburga Esperantista Societo uzis subvencion, ricevitan de Komerca kaj Industria Ministerio, por efektivigi projekton pri Esperantista Komerca kaj Industria Informejo. Tiu ĉi informejo, troviĝanta en ĉefa

strato (Peterburgo, Nevski 110. loĝ. 3) okupigas specialan oficiston, bone konantan Ruslandon kaj Rusan komercon, kaj havas eblon utiligi por siaj klientoj diversajn oficialajn kaj privatajn materialojn. La informejo celas plifaciligi komercajn rilatojn inter Rusujo kaj aliaj landoj; ĝi kolektas kaj donas sciigojn pri Esperantistaj kaj Esperantemaj firmoj, tradukas komercajn leterojn kaj presaĵojn en Esperanton kaj el Esperanto nacilingven, disdonigas katalogojn, prospektojn kaj aliajn reklamilojn en Rusujo kaj aliloke, ĉu pere de lokaj reklamaj oficejoj, ĉu rekte per propraj agentoj kaj korespondantoj; ĝi sisteme kolektas informojn kaj raportas pri ĉio, koncernanta Ruslandan eksteran komercon. La informejo celas ankaŭ plifaciligi al eksterlanduloj interrilatojn, ĉu personajn, dum vojaĝo en Ruslando, ĉu skribajn kun Rusaj komercistoj, kaj akceptas riprezentadon de komercaj firmoj dum ekspozicioj. Peterburga Esperantista Societo esperas, ke fremdlandaj samideanoj instigos lokajn komercistojn al vigla uzado de ĝiaj servoj, ĉar nur multenombra uziteco dokumentas gravan signifon kaj praktikan valoron de Esperanto.

.˙. *Pacifismo kaj lingvo internacia.* — En la lasta n-ro de la franca gazeto *„La Paix par le Droit"* [1] (La paco per la juro), P-ro Charles Richet, kiu ĵus ricevis la Nobelpremion pri medicino, aperigis gravan artikolon pri Pacifismo kaj lingvo internacia. P-ro Richet, pri kiu multegaj gazetoj parolis okaze de lia Nobelpremiiĝo, estas ne nur tre grava fiziologo, kies laboroj estas mondfamaj, sed ankaŭ ŝatata verkisto kaj firma pacifisto. Montrinte la necesecon kaj eblecon de lingvo internacia, P-ro Richet en interesa maniero parolas jene pri Ido kaj Esperanto:

„... Lingvo, kia ajn ĝi estas, ne povas esti perfekta; certe estas, ke per la uzado oni trovos en ĝi difektojn, mankojn. Kiel supozi, ke homo povas krei ion neriproĉindan, kiu ĉiujn kontentigos? Do, evidente — tion oni povas apriorie aserti — Esperanto ne estas perfekta lingvo. Sed tiuj neperfektaĵoj estas nenio kompare kun la ĉefgrava intereso, kiu estas *neŝanĝebleco*. La granda danĝero de la artaj lingvoj estas, ke ili ne havas fiksajn, neŝanĝeblajn vortaron kaj gramatikon, kiujn povas renversi la malbona humoro de ĉiu ajn. En la naturaj lingvoj, kies leĝojn fiksis antikva uzado, kaj kiujn neniu, eĉ ne la Akademio rajtas modifi, tiu danĝero ne estas timinda.... Sed se artan lingvon ĉiu volas korekti kaj renversi laŭ sia plaĉo, ĝi ne estas ekzistinda, ĉar ĉia staremo malaperas. Ido estas Esperanto plibonigita, reformita! Estu! Mi tion volas kredi! sed post du lingvoj nova lingvo, *hyperido*, ekzemple, povos esti proponata. Oni do devos ankoraŭ ŝanĝi. Kaj post Ido kaj Hyperido aliaj reformistoj venos, imagos superhyperidon!... Pli bone estas lingvo kun kelkaj difektoj, ol lingvo pli perfekta, sed ŝanĝema kaj submetata al konstanta reviziado: lingvo kiu, estante en eterna fariĝado, estos forlasata al ĉiuj individuaj kapricoj, al la plej nekompetentaj gramatikistoj, ne konkeros ĉe unu solan adepton; ĉiuj saĝaj homoj foriros de ĝi rapidege... Esperanto estas lingvo sinteza, metoda, facila, racia kaj admirinda. Do, ĉiu modifo en Esperanto, eĉ se ĝi estus progreso, estas kondamninda, ĉar ĝi detruas konstruaĵon, kies firmeco estas nepra kondiĉo, eĉ se estas ia disharmoniaĵo en iuj el ĝiaj flankaj elementoj..."

.˙. *Esperanto ĉe la pola Kongreso.* — Dum la pola Kongreso okazinta la 1-2 novembro en Winterswijk (Nederlando), S-ro C. G. Sterkenberg, Del. Groenlo, faris gravan propagandon por Esperanto inter la kongresanoj dank' al la helpo de kelkaj polaj samideanoj. Li speciale dankas S-ron Grodzki, Del. Herne, kiu fervore prenis sur sin la taskon plue zorgi pri tiu propagando, daŭrigante ĝin en la pola gazetaro. S-ro C. G. Sterkenberg atentigas je tiu propagando ĉiujn Del. de la germanaj urboj, kie loĝas poloj, vizitintoj de la nomita kongreso. Al ili la taskon rikolti la fruktojn de lia laboro.

[1] *La Paix par le Droit.* N-ro 20. (20, rue Pierre Curie, Paris).

.˙. *Progresoj de UEA en Usono.* — En la C. O. de UEA oni elektis nian bone konatan samideanon, S-ro D. E. Parrish, kiel propagandiston de UEA en Usono, speciale kun la tasko varbi novajn Delegitojn. Kiel bone plenumis sian taskon S-ro Parrish montras la fakto, ke en tiu tempodaŭro li sukcesis varbi en Usono 62 novajn Delegitojn, kiuj ĉiuj estas ankaŭ abonantoj de *Esperanto*. UEA estas nun reprezentata en preskaŭ ĉiuj gravaj lokoj de Usono. Tiun sukceson ni ankaŭ parte ŝuldas al la apogo de Esperanto-Asocio de Norda Ameriko, kun kiu UEA plenkonsente laboris.

.˙. *Esperanto-Konkurso Michelin.* — Ni ĵus ricevas la rezultatojn de la Esperanto-Konkurso Michelin. Ni rememorigas, ke la mondfama franca kaŭĉukisto Michelin donacis al la S. F. P. E. Fr. 20.000 por esti disdonotaj kiel premioj en Konkurso inter la francaj Esperantistaj gejunuloj. Tri ekzamenoj sinsekve okazis: la dua ebligis klasigon por aljuĝo de la malpli gravaj premioj; la tria parto okazis en Parizo la 1 kaj 2 novembro inter la 29 unuaj de la dua provo, kiuj jam gajnis Fr. 200 kaj nun konkuris por la kvar ĉefpremioj: Fr. 2000, 1000 kaj du el 500. Tiu lasta ekzameno, zorge ellaborita de P-ro Cart, ne konsistis el malpli ol ok diversaj demandoj, skribaj kaj parolaj, pri tre diversaj Esperantaj temoj: ni citu inter aliaj Esperantan disertacion pri: „Kiu estas, laŭ via opinio, la plej bona rimedo por varbi la junulojn" kaj Esperantan paroladon pri Esperanto: ĝia naskiĝo, ĝiaj progresoj, ĝiaj servoj.

La unuan premion da Fr. 2000 gajnis S-ro Gaston Lelarge, studento de leĝoscienco ĉe la Universitato en Poitiers (Vienne). La duan kaj la kvaran gajnis du Parizanoj: S-roj Primé kaj Germain. La tria laŭreato estas S-ro Gouchon, paperlaboristo en Lyon.

S-ro Gaston Lelarge naskiĝis en 1894. Kadeto en „Prytanée Militaire" en La Flèche, li estis varbita en 1908 de S-ro Decourt, profesoro ĉe la Kadetlernejo kaj fondinto de la Franca Centrokcidenta Esp. Federacio. Profesoro diplomita de la S. F. P. E. en 1910, li anstataŭis en tiu jaro sian profesoron, alvokitan al Parizo, kaj faris sian unuan kurson je l' aĝo de 16 jaroj. En Poitiers, kie li studas nun leĝosciencon de du jaroj, li gvidas kvin ĉiusemajnajn kursojn: du en lernejo, unu al soldatoj, du ĉe la grupa sidejo. Duoblan sukceson li ricevis en la konkurso Michelin, ĉar la dek premiitoj en Poitiers estas liaj lernantoj, kiujn li zorge preparis kiel proprajn konkurontojn. Eĉ ĉe la tria parto en Parizo li konkuris kun sia plej bone instruito, S-ro Georges Thébaut, liceano.

S-ro Lelarge estas de kelkaj jaroj ano de UEA kaj USA. Dum la lastaj someroj, li faris peresperantajn vojaĝojn en Germanujo; li loĝis tri monatojn ĉe S-ro Steinberg, Del. en Göttingen, kiu instruis al li germanan per Esperanto; ĉie li uzis ĉiujn okazojn por propagandi Esperanton kaj kalkulas multajn geamikojn inter niaj germanaj gesamideanoj, kiujn li tie vizitis. En la lasta aŭgusto, ĉe la Esperanto-Semajno-Kongreso en Gento li faris tre ŝatitan esperantan paroladon ĉe la ĝenerala labora kunsido pri: „La plej bonaj manieroj uzi la vojaĝantajn Esperantistojn por propagandi Esperanton."

.˙. *UEA en Dresdeno.* — El la interesa raporto de la regiona Del., S-ro J. Karsch, ni eltiras la jenajn informojn, kiuj montras tiel la agemon de la Del. kiel la utilecon de UEA:

„Ĝis la 31 oktobro 1913 la regiono havis 3 dumvivajn, 129 ordinarajn membrojn, 8 membrojn de Interŝanĝa kaj 1 membron de Studenta Fako, 12 komercajn kaj 5 grupajn Entreprenojn. La Del. faris 77 servojn (21 komercaj, 17 turismaj, 2 por junuloj kaj studentoj, 3 por laboristoj, 34 diversaj). Krome, la Del. povis multfoje fari servojn al vizitantaj Esp.-ianoj el Bohem-, Pol-, Rus-, Dan-, Sved-, Angl- kaj Hungarujo. Li ricevis 203 kaj forsendis 378 korespondaĵojn. La diversecon de la faritaj servoj montras la

jenaj ekzemploj. La Del. sendis al Franco titolojn de jurnaloj pri brodarto; sendis al Rusino sciigojn pri la ĝardenurbo Hellerau; klopodis por samideano en Brazilio por havigi al li liajn menditaĵojn de Dresdena firmo; sendis al Nederlandano katalogon de Reĝa Porcelan-manufakturo Meissen; donis al Svisino sciigojn pri kongresfilmoj; havigis al alia Svisino informojn pri germana firmo anoncanta en Svislando; sendis al Galicio adreson de Dresdena advokato scianta Esp.; sendis al Ĥarbin (Manĝurio) prezojn por porcelanvazaĵoj; sendis al Franco prezojn kaj kondiĉojn de loĝado en Dresden; prizorgigis por Bohema Fraŭlino hispanan tradukon; transdonis por Ruso leteron al ties Dresdena adreso; sendis al Usonano prezojn kaj priskribojn de „senkugla revolvero"; priskribis al Franco la Esperanto-oficejon en la Higiena ekspozicio; sendis al Portugalo adresojn de institutoj, kiuj povus interesiĝi pri artaĵo el gipso (laŭ antikva monumento); sendis al Ruso titolojn de gvidlibroj tra saksa Svislando; klopodis por Bohema Sportklubo aranĝi vetludon kontraŭ Dresdena klubo; klopodis por Norvego por havigi al li la reprezentantecon de Dresdenaj firmoj; havigis al Franco sciigojn pri ties Dresdena konatulo; sendis al Usonano katalogojn pri la plej eta skribmaŝino; sendis al Holandano adresojn de firmoj Dresdenaj, vendantaj „vezikojn de porkoj aŭ bovoj"; interrilatiĝis por Ruso kun fiŝ- kaj fiŝnutraĵ-vendisto en Langebrück; k. t. p."

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia* (sept.-okt.-nov.). *La leciono de l'Berna Kongreso:*

„. . . Kaj nun ni ĉiuj, jes *ĉiuj,* kiaj ajn estas niaj religiaj, politikaj aŭ sociaj opinioj, kia ajn ankaŭ nia opinio pri Esperantista centra organizado, ni laboru tutkore kun streĉitaj fortoj por la sukceso de nia proksima Pariza Kongreso. Ni agu tiamaniere, ke ĉiu Esperantisto sentu sin *hejme* en la ĉefurbo de Francujo, simple pro tio, ke li estas Esperantisto, ĉar tio plene sufiĉas. Nur unu amon ni havas la rajton postuli de *ĉiuj,* nur unu fidelecon: la amon al Esperanto, la fidelecon al la lingvo, kiun donis al ni D-ro Zamenhof. . . ."

La sama N-ro de L. I. enhavas tre vivantan kaj spritan raporton de Ned Katryn pri la Berna Kongreso.

.˙. *Amerika Esperantisto* (oktobro) enhavas bonegan artikolon de S-ro D. E. Parrish pri UEA. La sama gazeto komencas la publikigon de originala novelo de S-ro Privat.

.˙. *Espero Katolika* (novembro) festas sian centan numeron. Gratulojn al nia kolego! Oni scias, ke ĝia fondinto estis abato Peltier, iniciatinto de la katolika Esp. movado.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kotizaĵo 1914.** — *Ĉiuj novaj aliĝoj al UEA estos de nun kalkulataj por la jaro 1914.*

*Ĝisnunaj Esperantianoj kaj Entreprenoj povas de nun repagi la kotizaĵon por 1914.*

*La kotizaĵoj por 1914 estas la samaj kiel ĝis nun, nome:*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegito, aŭ se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en januaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Komitato de UEA.** — Per sia lasta rondiranta kajero la komitato de UEA diskutis diversajn demandojn rilatajn al antaŭprojekto de revizio de la statuto. Ĝi decidis unuanime rifuzi proponon de S-ro Couturat pri samtempa uzo de Ido kun Esperanto interne de UEA.

**Oficiala Jarlibro 1914.** — La eldono 1914 estas nun kompostata. Tamen ni ankoraŭ ricevos anoncojn kaj aliĝojn de Esperantiaj Entreprenoj ĝis la *15 decembro* (ekstrema limo).

**Balotado de la Komitato.** — La balotado de dek Komitatanoj kaj tri Vickomitatanoj por nova periodo de tri jaroj okazos en decembro - januaro. *Oficiala Bulteno* baldaŭ aperos kaj estos sendata al ĉiuj Delegitoj.

**Nia agado.** — La asocia jaro 1914 anonciĝas sub esperigaj perspektivoj. Ĝis la 20 novembro la C. O. de UEA ricevis 1089 kotizaĵojn por 1914 (700 je la sama epoko en 1913) kaj aliĝojn de 75 novaj Entreprenoj. Ni esperu, ke la samaj progresoj montriĝos en la daŭro de la tuta jaro. Al ĉiuj niaj Delegitoj ni alvokas: Varbu membrojn kaj Entreprenojn! Tio estas nun la ĉefa necesaĵo por nia Asocio.

**Kvina Kongreso de UEA.** — Ni havas la plezuron anonci al niaj membroj, ke dank'al speciala aranĝo kun la Loka Organiza Komitato de la Deka Kongreso, la kvina Kongreso de UEA okazos en Parizo samtempe kun la Deka Kongreso de Esperanto (2—10 aŭgusto). Kiel en Bern, la anoj de la Deka Kongreso povos senpage ĉeesti la kunvenojn de nia Kongreso kaj ricevi la Kongresan Dokumentaron de UEA. Ni jam nun varme rekomendas al niaj membroj, ke ili faru ĉion eblan por veturi Parizon. Por esti efika, necese estas, ke la Kongreso kunigu tre multajn vizitantojn. Ĉiuj informoj pri la Kongresoj aperos en *Esperanto.*

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 20.500 |
| 97. V. Didriĥson, Odessa . . . . . . . . . | 125 |
| 98. J. A. Buŝejev, Moskvo . . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 20.750 |

Entute (ĝis la 25 novembro) 98 Garantiantoj mendintaj 166 atestojn, valoro 20.750 frankoj (8300 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

**Novaj Delegitoj.**

*Abbassia* (Egiptujo, Caire). — D.: Gordon Lee, Corporal Cairo District Headquarters Egyptian Army.
*Agnew* (Usono, California). — D: J. S. Horn.
*Albany* (Usono, New-York). — D.: H. N. Saxtom, Room 411, Capitol.
*Atlanta* (Usono, Georgia). — D.: Cecil Stockard, 909 Empire Life Building.
*Bahia Blanca* (Arĝentino, Buenos-Aires). — D.: Delfi Dalmau, Calle 19 de mayo 151.

*Barre* (Usono, Vermont). — D.: H. L. G. Burnett, Box 75.
*Battle Creek* (Usono, Mich.). Alvah Mote, 65 Gloveland street.
*Bayard ap. Alais* (Francujo, Gard). — D.: A. Rouveret, instruisto.
*Bizerte* (Tunizio). — VD.: J. Nicolas, Ferryville O. M. 3 section Caserne des O. M.
*Buffalo* (Usono, New-York). — D.: J. A. Dowdy, 107, Anderson Place.
*Enghien les Bains* (Francujo, S. et Oise). — D.: J. Ledoux, (dum majo ĝis septembro).
*Erie* (Usono, Penn.). — D.: J. N. Wilson, 124, West 3rd street.
*Erstein* (Germanujo, Elsass). — D.: Fernand Meyer, ĉe firmo Achill Gross.
*Eugene* (Usono, Oregon). — D.: C. S. Freeland.
*Grants Pass* (Usono, Oregon). — D.: F-ino Celia Dœner, Box 752.
*Ĥarbin* (Siberio). — VD.: N. A. Kazi-Girej, Upravlenie K. V. Ĵ. de Sluĵba Puti. — SD.: M. K. Koston, Sungarijskij prospect 5—260.
*Harrisburg* (Usono, Penn.). — D.: H. M. Hoke, Office Atty. Gen. Capitol. — VD.: Chas, H. Hollinger, Office State Dep. Capitol.
*Idaho Falls* (Usono, Idaho). — D.: Bert P. Mill., 360 E street.
*Knezeves ap. Rakovnik* (Bohemujo). — D.: Frant. Kuĉera, kasisto de ŝparkaso.
*La Chaux-de-Fonds* (Svisujo). — D.: D-ro H. Brandt, 11, rue Neuve.
*Le Bouchaud* (Francujo, Allier). — D.: C. Martin, instruisto.
*Lima* (Usono, Ohio). — D.: F-ino Sue Clippinger, 523, West Spring street.
*Live Oak* (Usono, Florida). — D.: Whipple Bishop, 917, Ohio Ave.
*Los Angeles* (Usono, California). — D.: E. Kodil, 1327, Georgia Ave.
*Lugansk* (Rusujo). — VD.: P. Bule.
*Milano* (Italujo). — SD.: Luigi Collonnesse, Viale Magenta 16.
*Montmorency* (Francujo, S. et O.). — D.: J. B. Delacroix, 12, rue de la République.
*Munkacs* (Hungarujo). — SD.: Sigismundo de Ruscinsko, reĝa juĝisto.
*New Lexington* (Usono, Ohio). — D.: J. G. Hayden, Main street.
*New-York* (Usono). — VD.: G. A. Corson. — SD.: A. S. Arnold.
*Oakland* (Usono, California). — D.: L. H. Gorham, Gen. Del.
*Ocala* (Usono, Florida). — D.: E. C. Smith.
*Omaha* (Usono, Nebraska). — D.: Chas. H. Roberts, 1920, S. 53 str.
*Princeton* (Usono, New-York). — D.: Wilder H. Haines, 10, Middle Pod.
*Redwood City* (Usono, California) — D.: B. E. Myers.
*Salem* (Usono, Mass.). — D.: Wm. H. Gore, 254, Lafayette str.
*Shelby* (Usono, Ohio). — D.: J. A. Mayer, 68—70 E. Mainstreet.
*South Framingham* (Usono, Iowa). — D.: S-ino L. E. Fuller, 42, South str.
*Spencer* (Usono, Iowa). — Chas, D. Blaker, Box 163.
*Vancouver* (Brita Kolumbio). — D.: Carl Feller, 525, Cendrestreet W.
*Warren* (Usono, Ohio). — D.: E. P. Foreman, 115, Belmont str.
*Werne* (Germanujo, Bez. Arnsberg). — D.: Raimund Ritter.
*West Somerville* (Usono, Mass.). — D.: R. M. Bailey, Rear 50, College Ave.
*Wichita* (Usono, Kansas). — VD.: W. T. Alling, 135 Nord Rutan.

## Ŝanĝoj.

*Göttingen* (Germanujo). — VD.: W. Öhlmann, Am Weissen Stein 14/II.
*Heidelberg* (Germanujo). — D.: Karl Link, Häusserstrasse 33.
*Poitiers* (Francujo). — D.: M. Frechet, 19, rue Cornat.
*Poole* (Anglujo). — D.: Etchells, 164 High street.

## Eksiĝoj.

*Germana Militŝiparo* (D.: Heinrich); *Jerusalem* (D.: Schmitz); *Siracusa* (D.: Massa); *Worthing* (D.: Burnett).

---

# PRAKTIKAJ DEMANDOJ

VII

8. *Varbu novajn Entreprenojn.* — En lasta artikolo mi alvokis: Varbu novajn membrojn — sed ne nur el individuaj membroj konsistas UEA; ankaŭ kolektivajn aŭ korporaciajn membrojn ĝi havas, kiujn ni — pro manko de alia pli bona esprimo — nomis Esperantiaj Entreprenoj. Pagante Fr. 12. 50, Entrepreno ricevas rajton uzi ĉiujn servojn de UEA kaj presigi en nia Jarlibro dudekvortan anonceton. Se oni konsideras, ke la Jarlibro de UEA estas forsendata al ĉirkaŭ 8000 personoj, oni konfesos, ke la kotizajo estas nealta. Tial oni devas prezenti aliĝproponon kiel *aferon*, insistante pri la tre reala internacia disvastiĝo de nia Jarlibro. Tiamaniere oni havas multe pli da sukcesŝancoj, ol rekomendante la lingvon Esperanton, kiu multajn komercistojn ankoraŭ tute ne interesas.

Bedaŭrinde, multaj Delegitoj ne okupiĝas pri la varbado de Entreprenoj, ĉu ĉar ili ne havas tempon, ĉu — pli ofte — ĉar ili ne kredas je la sukcesebleco de siaj klopodoj. Rilate al la unua punkto, ni rimarku, ke — almenaŭ en la urboj, kie estas kelkaj Esperantianoj — la Delegito povus trovi helpanton, kiu sin speciale okupiĝus pri tio. En preskaŭ ĉiuj grupoj oni trovas personojn, kiuj oferemе perdas multe da tempo por aranĝi festojn — tasko ne tiel simpla kiel ĝi ŝajnas. Ĉu oni ne povus kelkafoje direkti tiun energion al pli rekte utila kaj eĉ pli gajniga celo? Koncerne la dua punkto, ni konstatas, laŭ leteroj de ni ofte ricevataj, ke nesukceso de klopodoj venas ĝenerale el malĝusta prezentado de la faktoj. Anstataŭ paroli precize pri la servoj riceveblaj interŝanĝe de la Entreprena kotizajo, en senblufa sed trankvile-serioza maniero, iuj multe tro parolas pri Esperanto ĝenerale kaj, kiam ili estas demandataj pri precizaj faktoj, ne scias respondi, ĉar ili malbone konas ilin. Komercisto tute ne malŝatas idealon *ekster* siaj negocaferoj, sed *en* ili li atentas nur pri realajoj. Mi cetere havas la devon konstati, ke el tiu vidpunkto multaj el niaj samideanoj faris senteblajn progresojn en la lastaj jaroj. Ne ĉiuj tamen ankoraŭ konscias pri la graveco de propagando bazata sur faktoj. Al ili precipe sin turnas tiuj vortoj. En kelkaj lokoj, kiel ekzemple Dijon, Dresden, London, la Delegitoj bone komprenis sian taskon tiurilate, sed flanke de tiuj urboj, kiom da aliaj gravaj lokoj, kie el amaso da ĉiuspecaj firmoj ne unu aliĝis al UEA, ne ĉar ili ne volis, sed ĉar neniu klopodis por tio. Sisteme aranĝita, la varbado de Entreprenoj estus, precipe en la gravaj urboj, fonto de notindaj enspezoj por la regiona kaso. En tiu fako kiel en multaj aliaj la inerteco aŭ pli ĝuste la manko de memfido, estas nia ĉefa malamiko. Kiam ni sukcesos ĝin venki en kelkcentoj da lokoj, kiel ni ĝin jam venkis en kelkdekoj, granda antaŭenpaŝo estos farita. Al tio ni celu.

9. *Niaj propagandiloj.* — Niaj propagandistoj antaŭe plendis pri la tro alta prezo de niaj nacilingvaj propagandiloj (kies formo kaj enhavo plaĉis al ili). Ilia plendo ne estis malprava, sed la antaŭa financa stato de UEA estis tia, ke ni malfacile povis agi alie. Sed konsiderante la necesecon de nepra plimultiĝo de niaj membroj kaj de pli granda propagando, ni tre senteble malaltigis la koston de tiuj propagandiloj. Cento kostas nun Fr. 0. 75 afranke kaj kvincent Fr. 3 afranke, t. e. nur la sendelspezoj. Ni esperas, ke niaj propagandistoj nun profitos tiujn favorajn kondiĉojn. Tiuj propagandiloj[1] estas speciale rekomendataj por disdonado ĉe kursoj, ekspozicioj, paroladoj. Oni uzu ilin!

10. *Nia venonta Jarlibro.* — Ĝi estas nun en presado kaj ne malsuperos la antaŭan rilate al la enhavo kaj amplekso.

[1] Ekzistas eldonoj en *angla, franca* kaj *germana* lingvoj.

La enciklopedia parto estas pligrandigita; ĉio alia estas zorge revidita laŭ la ricevitaj korektoj kaj proponoj. Sed oni nepre helpu nin per kolektado de anoncoj. La eldonado de la Jarlibro grave ŝarĝas la buĝeton de UEA. Nur pligravigo de la reklama parto povas tion kompensi. — H. H.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. F-ino *Ciundzievicka*, Esp-ianino en Slonim (Polujo), sincere dankas al S-ro E. Sos, Del. en Wien, pro rapidaj kaj precizaj informoj.

.·. S-ro *P. Richard*, Vicdel. en Cannes, multe dankas la Del. en Glasgow, Los Angeles, Capetown, Shanghaj, Cucuta, Halifax, Cambridge kaj Odense pro rapidaj respondoj kaj bona plenumo de la informpetoj.

.·. S-ro *M. Génermont*, eksdel. en Paris, kore dankas S-ron Lewis, Del. en Liverpool, pro siaj klopodoj. Bedaŭrinde la petita servo ne povis esti plene efektivigita kaj aliparte tute ne farebla, sed unu fojon plie li konstatis la gravan utilecon de UEA por internaciaj serĉoj kaj enketoj.

.·. S-ro *N. Rishkov*, Del. en Kursk, kore dankas S-ron D-ron A. Fiŝer, Del. en Tiflis, pro malavaraj sendaĵoj por aranĝota ekspozicio.

.·. S-ro *Richez*, Del. en Fresnes (Franc.), kaj F-ino *Richez* kore dankas al S-roj Diemer, Del. en Köln, Luis, Del. en Düsseldorf, kaj Grünstein, Düsseldorf; dankojn ankaŭ al la gesamideanoj renkontitaj ĉe la Rejnlanda Esperanto tago pro la kora akcepto.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — Oni anoncas la fianĉiĝon de S-ro D-ro H. Arnhold, vicprezidanto de Societo Esp. Dresden kaj garantianto de UEA, kun F-ino Mattersdorf.

**Edziĝo.** — F-ino Ilse Arnhold, Dresden, kun S-ro bankisto Maron.

**Nekrologio.** — Nia samideano Iv. H. Krestanof, dank'al Esperanto, sukcesis retrovi informojn pri sia patro, bedaŭrinde mortinta dum la Balkana milito. Kiel respondo al multaj samideanoj, kiuj afable lin demandis esprimante siajn amikajn kondolencojn, li sendas al ni la jenan nekrologion:

„Post longaj serĉadoj helpita de miaj karaj esper-kunfratoj — precipe de S-ro P. Bünemann en Patras, Grekujo kaj S-ino Henriette Nolotte en Dijon, Francujo, al kiuj mi eldiras miajn plej profundajn kordankojn — mi estis malfeliĉa konkludi, ke por ĉiam estas adiaŭinta al la mondo mia karega patro S-ro Ĥaralampi Iliev, falinta mortige trapikita dum la dua Balkana milito. Li plenumis sankte sian devon al la patrujo; filo de sia epoko, li estis bona adepto de la libereco, kun sennombraj revoj, kiuj plenigadis lian kapon, fluganta eĉ en sia maljuneco al altaj idealoj, li estis granda, sed por nelonge, la sorto estis kruela: ĝi venkis lin, ĝi forĵetis lin en nekonataj landoj, malproksime de la familio, malproksime de la patrolando. Kara patro, vunditaj estas la koroj de viaj gefiloj, sed vi loĝos eterne en ili kaj vi ne estos forgesita, ĉar vi estas neforgesebla. Pacon al via cindro!

Por la profunde ĉagrenita familio *Iv. Ĥ. Krestanof* (Dijon).



# Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercaĵo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

## Internacia ekspozicio por la libro-industrio kaj grafikaj artoj en Leipzig 1914.

En tiu granda entreprenaĵo reprezentiĝos jenaj ŝtatoj: Argentino, Aŭstrio, Belgujo, Britujo, Francujo, Hispanujo, Nederlando, Italujo, Portugalujo, Rusujo, Sao Paûlo (Brazilio), Svisujo, verŝajne ankaŭ Danujo, Hindujo, Ĥinujo, Hungarujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo kaj Usono. La plejmulto el la ŝtatoj konstruos proprajn domojn. La ekspozicio do estos efektive manifestacio de la tutmonda spirita kulturo, kaj certe multaj negermanaj samideanoj vizitos ĝin.

Ili faros tion plej bone aliĝante al la

*IXa Germana Esperanto-Kongreso*

kiu okazos inter la muroj de la ekspozicio la 30 majo ĝis la 3 junio 1914 (dum la pentekostaj tagoj). La kotizo estas 2,50 sm. kaj entenas la pagon por tritaga eniro en ekspozicion. Dum la kongresaj tagoj eksterlandaj samideanoj ĉiam trovos en la ekspozicio Esperantistojn, kiuj volonte ilin gvidos. Precipe interesa estos *la domo de Esperanto*, kiun ni konstruos en la „strato de la nacioj" kaj kiu efike montros la evoluon kaj nunan staton de nia movado. — La adreso de l'kongresa kasejo estas: Esperanto-Kongress Leipzig, Johannisplatz 3.

Esperantistoj! Helpu per aliĝo al la kongreso la progreson de nia movado!

Por la loka komitato:
*Paul Bennemann*,
Zeitzerstrasse 6b, *Leipzig*.

## Internacia terminaro de lignokomerco.

Por montri praktikan utilon de Esperanto al komerca mondo, mi komencis verkadon de „*Internacia terminaro de lignokomerco*", kaj petas por tio helpon de samideanoj samprofesiaj, precipe de tiuj el Anglujo kaj Skandinavaj landoj, kiel ĉefaj landoj de ligna komerco. La komunlingva senco de vortoj, uzataj en komerco, tute ne egalas al ilia teknika, speciala signifo, kaj en ĉiu lingvo ili diferencas. Mi petas samideanojn, sendi al mi tabelon (eĉ mallongan kaj neplenan) de lignokomercaj esprimoj en siaj lingvoj, kun preciza klarigo de ĉiu esprimo en Esperanto, se eble kun ĝia traduko en anglan, svedan aŭ norvegan lingvon, kaj kun persona konsilo pri plej taŭga traduko Esperanta.

Tiu laboro, efektivigebla nur per helpo de Esperanto, grave impresos lignokomercajn firmojn kaj utilos al nia propagando.

*N. P. Evstifejev*,
17, Tavriĉeskaja, *Peterburg* (Ruslando).

## Albumo de la Oka Kongreso.

La Organiza Komitato de la Oka Kongreso petas ĉiujn, kiuj intencas aĉeti ankoraŭ la albumon, ke ili tion faru nepre *antaŭ la fino de decembro 1913*, ĉar post tiu findato — pro fermo de la kalkuloj — la Komitato transdonos la reston de nedisvenditaj ekzempleroj al privata persono, kiu konsideranta tiun ĉi eldonaĵon kiel unikaĵon en Esperantujo kaj bona propagandilo, certe plialtigos ĝian prezon. La aludita albumo estas ankaŭ por nekongresanoj kaj esp. grupoj bona propagandilo, ĉar ĝi evidente montras, kiom da diversaj nacioj partoprenis la kongreson jubilean kaj kune amuziĝis. — La prezon (Sm. 4.—) oni bonvolu sendi antaŭe per poŝtmandato aŭ transpagilo al: Kongreso Esperantista, Kraków, Aŭstrio-Polujo, ĉar tiamaniere oni evitas poŝtelspezojn kaj cetere ne al ĉiuj landoj oni povas sendi pagoŝarĝe. Rapidu do!

## Ekspozicioj

S-ro P. Bule, Lugansk (Ekat. gub, Ruslando), Emalirovoĉnij Zavod, tre petas sendi al li Esperantaĵojn por ekspozicieto aranĝota ĉe tiun vintron je l'unua fojo en Lugansk. Ĉio estos dankege akceptata.

* * *

Aranĝonte en proksima tempo Esperantan ekspozicion en Urba Popola Aŭditorio dum la koncerto de „Astraĥana Societo Esperantista", la komitato de l'societo sin turnas al ĉiuj gesamideanoj kun varma peto, ke ili sendu Esperantaĵojn por la ekspozicio laŭ jena adreso: „Al Astraĥana Societo Esperantista, O-vo Prikazĉikov, Astraĥan (Rusujo)". Al ĉiuj sendontoj antaŭan samideanan dankon!

*S. Sariĉev,*
Sekretario de „A. S. E."

## Enketo pri la instruado de Esperanto

Jam de longe estas konata la fakto, ke Esperantaj kursoj estas unu el plej potencaj propagandiloj de nia movado. Sekve ili nepre ĉiam devas esti starigataj kiel eble plej perfekte por atingi bonan rezultaton. Tial Odessa Societo „Esperanto" decidis aranĝi enketon, kies rezultatoj estos publikigitaj en „La Ondo de Esperanto" kaj en aliaj Esperantaj gazetoj.

Ni opinias, ke ĉi tiu enketo donos al ni tre multvaloran materialon, kiu ebligos pliperfektigi la instruadsistemon de nia lingvo.

Do, la komitato de Odessa Societo „Esperanto" tre petas ĉiujn instruantojn en la kursoj kaj ĉiujn Esperanto-institutojn afable sendi respondojn pri la jenaj demandoj:

1e Uzata(j) lernolibro(j)?

2e „ instruadsistemo(j)?

3e Ĉu la elektita(j) lernolibro(j) bone taŭgas por *kursoj?*

4e Kiom longe daŭras instruado (monaton, du, tri...)?

5e Po kiom da horoj semajne?

6e Se la kurson vizitas personoj kler-, mez- kaj malmulte instruitaj, ĉu ili lernas ĉiuj kune, aŭ estas dividataj en grupoj laŭ instruiteco?

7e En lasta okazo, ĉu por ĉiuj grupoj estas uzata la sama lernolibro kaj instruadsistemo, aŭ ne?

8e Se ne, bonvolu noti la uzatan por ĉiu grupo lernolibron kaj instruadsistemon.

9e Kiom da personoj komencas lerni kaj kiom da ili finas la kurson (proksimuma %)?

10e El ĉi tiu nombro kiom estas da kler-, mez-, kaj malmulte instruitaj personoj (per %)?

11e Ĉu, laŭ via opinio, la ekzistantaj en Esperanta literaturo lernolibroj pli taŭgas por tiel nomata „memlernado", aŭ por kursoj ankaŭ?

12e Ĉu vi ne opinias necesa specialan lernolibron nur por kursoj?

Se en ĉi tiu enketo mankas, viaopinie, iu demando, bonvolu mem aldoni ĝin.

Ni esperas, ke la graveco de ĉi tiu demandaro instigos ĉiujn sendi al sinceran respondon.

Respondon bonvolu sendi al: S-ro E. E. Pill, Gosudarstvenni Bank, Poschtovaja ul., Odessa.

*Komitato de Odessa Societo Esperanto.*

## Esperantistaj Skoltoj

Granda internacia kongreso de Skoltoj okazos en Angers dum julio 1914. Ĉu estas kelkaj Esperantistoj inter la anglaj „Boy Scouts", la germanaj „Pfadfinder", la hispanaj „Skoltoj", kiuj partoprenas la kongreson?

Se tiaj estas, ili konigu sin al S-ro Blot, Del., 15, rue Sarret-Terrasse, *Angers* (Franc.).

## Ido

En lasta n-ro de la „La Française", feminista gazeto, aperis artikolo laŭdanta Idon. Mi insiste petas ĉiujn Esperantistojn kaj precipe gefeministojn sendi proteston al: La Française, Rue de l'Annonciation, Paris. *A. Mège,* (Del. Valence).

## Fervojistoj

Esperanto jam staras sur firma bazo kiel pruvas niaj mondkongresoj kaj la progresado de la Esperanto-movado. Tamen nia asocio ne sukcesas, ĉar la kamaradoj ne sufiĉe subtenas ĝin. Tiu tre bedaŭrinda stato ne povas daŭri. Mi scias, ke multe da fervojistoj estas tre lertaj kaj oferemaj Esperantistoj, sed ili nur ĝenerale laboras por Esperanto kaj ne por nia asocio. Tamen nur la komuna praktika apliko de Esperanto povas iam efektivigi nian celon.

Tial ĉiu fervojisto subtenu nian asocion kaj pagu sian kotizon.

Kiu ĝis nun ne estas membro bonvolu turni sin al nia sekretario: S-ro Alfred Petzold, Scharnhorststrasse 43 I., Leipzig.

*Szimanovski,* teknika supera sekretario,
vicprez. de la Int. Asocio de la Esp. fervojistoj.

## Esperantista komerca ekspozicio

Esperantista Komerca kaj Industria Asocio preparas komercaĵan kaj industriaĵan ekspozicion por la deka kongreso esperantista en Parizo.

Tiu grava ekspozicio estas propaganda je ĉiuj vidpunktoj; ĝi pruvos, ke Esperanto jam praktike vivas kaj estas uzata de multaj komercistoj kaj industriistoj kaj ankaŭ konigas la komercajn kaj industriajn produktojn ekspoziciatajn.

Pro tio, ĉiuj geesperantistoj estas petataj konigi al ni la firmojn, kiuj utiligas Esperanton por siaj reklamiloj, prospektoj, cirkuleroj, prezaroj. Oni akceptas de tiuj firmoj ne nur reklamilojn, sed ankaŭ vendotaĵojn, ilojn, maŝinojn k. t. p., kiuj estos ekspozataj dum la kongreso en Parizo, kaj grava okazontaĵo, ne nur geesperantistoj vizitos tiun ekspozicion, sed ankaŭ la neesperantista publiko, per tio la firmoj ekspozantaj, pere de ni, povos ricevi mendojn.

Post la kongreso la aĵojn ekspozitajn nepre ni resendas al la firmoj, al kiuj ili apartenas. La firmoj povas senpere sin turni al nia asocio.

*Atentu:* oni akceptas nur la firmojn, kiuj uzas Esperanton en sia reklamado.

Peti pluajn klarigojn:

1e Ĉe la prezidanto: 7/I, rue Menge, Paris 5me.

2e Ĉe la ĝenerala sekretario: 188, Faubourg St-Denis, Paris.

3e Ĉe la ĝenerala kasisto: 61, Boulevard Saint Marcel Paris.

Por la konsilantaro:

La ĝenerala sekretario: *A. Soetens.* La ĝenerala kasisto: *E. Houbart.*

La prezidanto: *A. Leclerc.*

## Internacia enketo pri la duagradaj profesoroj.

Le „Journal des Collèges" (la Ĵurnalo de la Kolegioj), kiu presigas france la raportojn senditajn de la Delegitoj de UEA al S-ro Bord, deziras havi fremdajn korespondantojn por ricevi pluajn sciigojn pri la morala kaj materia situacio de la profesoroj de la duagradaj lernejoj. Do mi petas la Delegitojn, kiuj jam skribis al mi, daŭrigi kun mi sian korespondon pri tiu temo. Ili ricevos senpage la „Ĵurnalon de la Kolegioj". „Esperanto" publikigos la rezultaton de tiu grava internacia enketo.

P-ro *Bord* (Del. Beaune).

## Tutpacifika Esperanta Kongreso, San Francisko 1915.

Komitato estas organizata por aranĝi la Tutpacifikan Esperantan Kongreson en San Francisko 1915.

Ĝi okazos dum la Panama Pacifika Internacia Ekspozicio aŭ antaŭ aŭ post la Internacia Esperanto-Kongreso en Edinburgo.

Oni petas, ke la tuta mondo sendu Delegitojn por propagandi Esperanton kaj plifortigi Esperantismon en la kontinentoj ĉirkaŭ la Pacifika oceano.

Ni promesas al vi grandan Kongreson ĉe granda Ekspozicio.

*I. H. Gorham,* (Del. Oakland, Kal.)
Publikiga Komitatano.

Mi deziras, ke ĉiu eldonisto sendu al mi unu ekzempleron (kun anoncoj) por la Esperanto-elmontraĵo, kaj mi ĝin aĉetos aŭ resendos post la Ekspozicio.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AMIENS (Frankujo, Somme). — S-ro Georges Hesse, 82, rue Vulfran Warmé, PK. PM.

BATH (Anglujo). — Kelkaj gekursanoj deziras konstantan korespondadon. Adreso: S-ro W. W. Padfield, 42 Lower Oldfield Park.

BERLIN (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O. 17, (pri Universala Homara Unio).

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — F-ino Towett, Farnstr. 43, PI.

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — Sro Willi Birtel, Elsass-Strat 9, PI. L.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

ĈERVENY KOSTELEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ladislav Ŝrutek, Sokolska 263, PI., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj.

ĈERVENY KOSTELEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Fink, Ĉerveny Kostelec 245, PK., PI., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

CUXHAVEN (Germanujo). — S-ro G. Hillebrecht, Norderstein-strat 21, (kolektas esp. gazetojn, gvidfoliojn kaj germanajn gazetojn, kiuj estas eldonataj en eksterlando. Li dankos por belaj PI.).

FRANKENBERG (Germanujo, Saksujo). — S-ro Reinhold Hunger, Delegito de UEA, PM. (nur bonajn kun seriozaj filatelistoj de la tuta mondo baze de Senfa, Yverta aŭ Nova Normala Katalogo. Li ĉiam kaj tuj rekompencos per samvalora elektsendaĵo, sed li malakceptas vulgarajn PM.).

HOMEL (Rusujo). — S-ro David Vigodskij, (kun ĉiulandaj poetoj, ĵurnalistoj, skribistoj, amatoroj de poezio; PI. nur kun neeŭropanoj).

IGNATJEVKA (Rusujo, Volnovaha Ek. g.). — S-ro D-ro V. Lebedev, L. PM.

JAROMER (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro St. Nachbaur, Ĉechova 284, (ĉiam al ĉiu je ĉio tuj respondos).

JENA (Germanujo, Turingio). -- S-ro Arno Uhlig, Kaiser Wilhelmstr. 5, PI. (kun eksterlandanoj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Netopil, nové mesto ĉ 200, PI., PM., L., bfl.

JINDRICHUV HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo) — S-ro Pohl Eduard, studento, Vaclavska 54, PK., PM.

KRASNOJARSK (Siberio). — S-ro A. E. Stabrovskij, Nikolaevskaja slob., N-Ĉeĥovaja str., d. N-ro 3., PI., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj demandoj).

LENNEP (Usono, Montana). — S-ro Fred Rognlie, PK. (ankaŭ portretojn).

LODZ (Rusujo, Polujo). — F-ino Alicia Braun, ul. Juliusza 11, PI., L. (ĉiam respondas).

LOS ANGELES (Usono, Kalifornio). — S-ro P. Tobi, 1327 Georgia str., PI. (precipe kun Estlandanoj kaj Siberianoj).

LYON (Francujo). — S-ro Petrus Besson, 12, Cours du Midi, PI. (kun ĉiuj landoj).

MELLEVILLE PAR EU (Francujo, Seine Inferieure). — S-ro Paul Garçonnet, PI. (kun ĉiuj landoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Alfredo Giacca, Calle Salsipuendes 1530, PI., PM. (kun ĉiuj landoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝta kesto, PM., PI. (interŝanĝas sigelmarkojn kaj fotografaĵojn).

MÜLHAUSEN (Germanujo, Elsass). — S-ro Bernardo Huss, Fabrikstr. 44/II, PM., PI., bfl. (esp. ĵurnalojn; kun ĉiuj landoj ekster Germanujo).

MÜLHEIM-KÖLN (Germanujo, Rhein). — S-ro August Klahr, Andreasstrasse 5/II, 1. (kun ĉiuj landoj).

NAGY KÖRÖS (Hungarujo). — S-ro Nagy Tamás, X. 76, PI., bfl.

NARVA (Rusujo). — S-ro N. Pavlov, Maŝinostroenie, PI. (kun ĉiuj landoj).

NEUGERSDORF (Germanujo, Saksujo). — S-ro Emil Tippelt, Alte Post (nur PM., kun ĉiuj landoj). —

NOWY SACZ (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Edward Izdebski, 2, Kolejova str. 870, (gekursanoj deziras korespondadi per PI. kun ĉiuj neaŭstrianoj).

ODENSE (Danujo). — S-ro H. P. Hansen, V. Stationsvej 38.

OMSK (Siberio). — S-ro Murat-Bek Seitov, Uĉebnaja 86, Kirgislando.

OREL (Rusujo). — F-ino Kruglikov, poste restante, PI., K.

PETERBURGO (Rusujo). — S-ro S. D. Ivanov, universitata studento, Vas. Ost. 10 lin. 39, kv. 108, belajn PI., bfl. (nur kun Londono, Berlino, Stockholm, Romo, New York, Suda Ameriko, Afriko, Azio, Aŭstralio, Filipinaj kaj aliaj insuloj).

PIHL APUD HEIDA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochmann, PI. (nur tre belajn kontraŭ tre belaj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro Gaston Lelarge, studento de juro, 44, rue de la Cathédrale, PI., L., bfl. (precipe kun lertaj F-inoj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Antonio Veloso de Pinho, stud. med., R. S. Lazaro 153, PI., bfl., PM.

PRAHA VII (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Krupiĉka, u. Akademie 230, PK., PI., L.

PRERAU (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Alf. Novotny, studento, PI.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

SALINS-DU-JURA (Francujo, Jura). — S-ro Felix Marchand, 1, rue des Barres, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

SEIFHENNERSDORF (Germanujo, Saksujo). — S-ro Arthur Pietze, E. Israelstr. 11 i, PI. (kun ĉiuj landoj).

SINT-MICHIELSGESTEL (Nederlando). — S-ro L. Brekelmans, PI., PK., L., PM.

SOFIA (Bulgarujo). — S-ro Cvetan Petrov, lernanto, str. Caribrod 27, P. (vidindaĵoj).

SUURSAARI (Finnlando). — S-ro Väinö Naski, L., PI. (precipe kun fotografamatoroj en ĉiuj landoj.

SZEPESJAKABFALVA (Hungarujo). — S-ro Karlo Lukaĉ, instruisto, PK., PI. (prefere kun alilanduloj.

VENEZIA (Italujo). — S-ro Trezzini Quintilio, Hôtel Europe, PI. (kun ĉinj landoj).

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

WARWICK (Aŭstralio, Queensland). — S-ro F. J. Sonnenschein, The Warwick Club, PK. (kun ne-angloj).

---

## PETOJ KAJ PROPONOJ

SIGELMARKOJN Esperantajn aĉetas, kolektas, interŝanĝas kaj vendas siajn proprajn eldonojn (100 diversajn 60 sd.). G. Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

SPECIMENOJN de Esp. kovertoj, paperoj, sigelmarkoj, poŝtkartoj ktp. sendas por unu respondkup. la Moskva Studenta Grupo „Esperanto", Poŝtkesto 212, Moskvo, Rusujo.

VETERANTAŬDIRILO. — 1 peco 0. 50 Sm., 5 pecoj 2 Sm., 4-lingvaj. — Leterpremilo el polurita vitro kun la bildo de D-ro Zamenhof: 1 peco 0. 50 ĝis 2 Sm. Poŝtrepago aŭ antaŭpago, ĉio afrankite, ĉe Ferd. Jochmann, Pihl apud Haida, Aŭstrio, Bohemujo.

---

## Esperantista Poŝkalendaro 1914

**La praktika, de ĉiu Esperantisto ŝatata poŝlibro reaperis!**

Tre interesa enhavo; inter aliaj: artikolo pri kalendara reformo, listoj de esperantistaj grupoj kaj de la gazetaro, speciala rubriko ∴ por kolektantoj ktp. ∴

**La libreto estas vera trezoro por ĉiu propagandisto kaj kolektanto**

**Prezo:** Sm. **0,400** (Mk. **0,80**) sendkosto eksterlanden Sm. **0,100**

**Ader & Borel, G. m. b. H., Esperanto-Verlag**
**Dresden-A. 1, Struvestr. 40**

---

# „LA ONDO DE ESPERANTO"

MONATA ILUSTRITA REVUO
(fondita en la jaro 1909)

**Ĉiu abonanto de la jaro 1914**

krom 12 n-roj de l'gazeto — ricevos **donace** belan Esper. libron

**Esperanta Poŝkalendaro por la jaro 1915**

„La Ondo" aperas akurate la 1-an daton, novstile. Ĉiu n-ro havas 16-21 paĝ. Formato 17-26. Bela kovrilo.

Literaturaj konkursoj kun premioj. Portretoj de konataj Esperantistoj. Diversaj ilustrajoj. Beletristiko originala kaj tradukita. Plena kroniko. Bibliografio. Nia lanterno (kontraŭ *Ido*). Amuza fako (kun premioj). Anekdotaro. Korespondo tutmonda (Poŝtk. ilustr.).
**Anonco en „Koresp. Fako" — 3 respondkuponoj**

La abonpagon **(2 rubl.: 2, 120 Sm.)** oni sendu al librejo *Esperanto* **(Moskvo, Lubjanskij projezd, 3, Ruslando),** aŭ al:

Universala Esperantia Librejo
*10, rue de la Bourse. — Genève (Svisujo).*

---

HUGUENIN FRERES & C
LE LOCLE
MEDAILLES —
INSIGNES
BIJOUTERIE —

---

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51. Oni parolas esperante!

**Nova kuracmetodo!**

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.).

— DU FAKKURACISTOJ.
Direktoro: D-ro BREIGER.

---

## Esperantista Kantaro

Dua eldono. — 6ª—10ª milo

Kolekto de germanaj kaj diversnaciaj popolkantoj, esper. de L. E. MEIER, D-ro L. L. ZAMENHOF, F. PFEIL, AD. ŜEFER, C. BICKNELL kaj aliaj. Kunmetitaj de WILHELM FRIES

**TEKSTARO:** broŝurita Sm. 0.250; kartonita Sm. 0.300
**MUZIKA ELDONO** Sm. 0.500

*Neniu samideano, neniu kunveno estu sen tiu vera internacia kantotrezoro!*

**GERMANA ESPERANTO-LIBREJO, LEIPZIG**
**3, Johannisplatz 3**

---

## Por la Skribtablo




**Inko Pelikan**

**Agrable facilfluanta**

**Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto GÜNTHER WAGNER Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]**

---

NOVA LIBRO:

D-RO ANDREO FIŜER. *Esperanta Legolibro,* dua eldono kompletita, 116 gipaĝoj. — Prezo: Sm. 0,300.

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE, 10 GENÈVE

Ĵus aperis:

**Por fari Esperanto-Kursojn laŭ sukcesa parola metodo**

EDMOND PRIVAT:

## KURSA LERNOLIBRO

64 paĝoj — Sm. 0.20 — (Fr. 0.50)

**Sendu 2 respondkuponojn por ricevi specimenan ekzempleron.**



Tiu ĉi libro, praktika kaj tre malkara lernolibro por esper. kursoj en ĉiuj landoj estas rezultato de longa instrua spertado. Ĝi lernigas tuj flue paroli la lingvon kaj pensi en ĝi, uzante komence nur tre malmultajn vortojn. La lecionoj estas zorge aranĝitaj konversacioj, kiuj iom post iom instruas la diversajn regulojn de l'gramatiko. Ĉiu kvina leciono entenas facilan rakonton kun demandaroj speciale aranĝitaj por instrui la vortetojn *kiu, kie, kio* k. t. p. La libreto entenas utilan ĉapitron: „Al Instruantoj", plenan gramatikon, klarigojn pri monsistemo, bildon por instrui prepoziciojn, k. t. p. Ĝi estos granda helpo ĉie — por direkti sukcesajn kursojn. —

**Facila legolibro por lernantoj:**

EDMOND PRIVAT:

## KARLO

(15a MILO — 5a ELDONO)

40 paĝoj — Sm. 0.20 — (Fr. 0.50)

Tiu verko estas uzata kiel legolibro en Esperantaj kursoj de Anglujo, Francujo, Italujo, Rusujo, Germanujo kaj aliaj landoj, pro sia *klara* kaj *facila* stilo.

MARIE HANKEL skribis: **„Jen bela originala verko en nia literaturo. Kvankam ĝi estis speciale verkita kiel facila legolibro por komencantoj, „Karlo" estas malgranda romano, ĝiaj 20 ĉapitroj estas 20 juveloj de delikata artplena priskribo pri vivo de junulo de naskiĝo al edziĝo. Per sia dolĉa sentemo, samtempe melankolia kaj ŝercema, tiu sprita noveleto estas plej ĉarma legaĵo".**



ALIAJ VERKOJ DE L'SAMA AŬTORO (Ĵus aperis):

**GINEVRA,** ORIGINALA LIRIKA DRAMO EN TRI AKTOJ

Gravan lokon en nia literaturo okupos tiu nova originala verko de S-ro Edmond Privat, kiu vivigis en ĝi la amon de Ginevra kaj Lancelot. Riĉeco de ideoj kaj dolĉa delikateco de psikologio flue akordiĝas kun la kolora poezieco de l'belsonaj ritmoplenaj versoj en tiu facile legebla teatraĵo. — 48 paĝoj. — Kun bela kartona bindaĵo. — Prezo: Sm. 0.50 (Fr. 1.25).

**TRA L'SILENTO,** ORIGINALAJ POEMOJ, lukse eldonitaj sur antikva papero *kun arta pergamenta kovrilo:* Sm. 0.60 (Fr. 1.50).

**HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO.** Tiu grava verko traktas pri la historio de Esperanto de 1887 ĝis 1900, t. e. pri la plej malmulte konata kaj plej interesa periodo de nia movado. Per kelkaj ĉapitroj la aŭtoro majstre konigas la ĉefajn faktojn de nia historio, montras ilian signifon, kaj priskribas kelkajn el la plej famaj Esperantistoj pioniroj. Rekomendita por kandidatoj al Esperantaj ekzamenaj.

**— Popola eldono 66 paĝoj: Sm. 0.50 (Fr. 1.25). —**

# ATENTU! GESAMIDEANOJ!

**Per malgranda monsumo vi povas akiri bonegan hejmon en unu el la plej belaj kaj produktemaj valoj de Kalifornio, kaj hektaron da akvumata tero, kiu plene sufiĉas por provizi al vi kaj via familio agrablan kaj sendependan vivadon por ĉiam.—Tiu ĉi tero estis antaŭe anoncata en „Pacifika Espero", sed, dank'al speciala komunuma aranĝo, ĵus nun efektivigita, estas eble treege plifavorigi la pag-kondiĉojn, kaj ebligi al limigita nombro da laboremaj samideanoj, akiri por si estontan sendependecon. — Permesu al ni sendi senpage niajn prospektojn, kiuj klarigas pri la tero, situacio, prezo, kondiĉoj, k. t. p., kune kun rekomendoj de gravaj Kaliforniaj institucioj, kiuj konas kaj aprobas nian entreprenon.**

**KALIFORNIA ESPERANTISTA KOMUNUMO (KEK)**

**620, Ivy St., SAN FRANCISKO, Kalif.**

**B. Kotzin**

redaktoro de „La Ondo de Esperanto"

## Historio kaj teorio de Ido

(Esperanto kripligita)

Kun antaŭparolo de *R. Brandt,* profesoro-lingvisto de Moskva universitato

VIII + 144 paĝoj — Prezo Sm. 0. 53 (0. 60 afrankite)

**Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève (Svislando)**

Nur por 1 Sm. ĉiu povas akiri al si belegan elekton da diversaj Esperante ilustritaj poŝtkartoj, mendante ilin nur en

**ESPERANTISTA POŜTKARTEJO**

**de Samuelo ŜULC**

**LODZ** (*Rusl.-Polujo*), *Konstantinowska, no 49*

Pagebla ankaŭ per ĉekoj de Ĉekbanko Esperantista. Prezaroj senpage kaj afrankite.

**Abonu**

**GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO**

Administracio: Wien I, Tuchlauben 18. — Jarabono Sm. 1.25, por Liganoj Sm. 0.85. — Konto ĉe Ĉekbanko Esperantista.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO